
Atako al la militismo


# LA NOVA EPOKO

Literatur-Scienca Aldono al
SENNACIULO
oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda

Jaro IX/XIII
N-o 6 (102)
aperas dumonate

10. februaro 1933


# INDIGNO

ERNESTO PREĈANG (Preczang).

ILI venis kun soldataj kantoj tra la ĉefstrato de la malgranda havenurbo k turnis sin al la fervoja stacio. Kelkaj portis novegajn valizojn per la manoj, aliaj paketojn volvitajn en papero aŭ saktolo k ĉe iuj sufiĉis la granda kolora naztuko por teni la malgrandan posedaĵon. En la garnizonon, al la armeo oni iris. Bukedoj ĉe kelkaj ĉapeloj, floroj en iuj butoningoj. Ardaj vizaĝoj, ekscititaj koroj. Ankaŭ ebrietaj ili estas. Kaj ili nun forkantas bruante la preman senton de adiaŭo k sencerto.

Kelkaj, palaj malserenaj kuntrotas silente inter siaj tro gajaj kunuloj. Ili forlasas vivon plenan de mizero k peniga laboro; sed tio, kio atendas ilin, ne logas. Iu superas ĉiujn inter ili. Tio estas Freĉjo Dalman, la brikisto. Dudekdujara junulo, konsistanta el haŭto, tendenoj k ostoj. Malgrasa k alta; la dorso kurbeta. Dufoje ili ne atentis lin dum la elekto de rekrutoj, la trian fojon la senindulga pugno de la ŝtato trafis lin. Dalman iris hejmen el la rekrutiga ĝeneralesploro duonfreneze. Tion li nun ne atendis. Ĝuste en la tempo, kiam li aranĝis la preparon por sia edziĝo. Kaj li pasigis kelkajn tagojn, antaŭ ol li kapablis komuniki milde la fakton al sia Elinjo. Sed ŝi kriis tamen . . .

„Rekruto Dalman!“ La ruĝnaza policano, kiu krom la subkaporalo akompanis la taĉmenton, jam rekomandis. „Al diablo, levu la kapon! Ĉu vi volas nombri la pavimerojn?“ Dalman iom levante la kapon murmuris: „Ĉu tio estas via afero?“ k rekonservis sian antaŭan pozon.

„Malfortulo,“ grumblis la policano k turnis sin al la subkaporalo. „Mi diru vin, kio venas el la brikejoj tien ĉi . . . rubo, absoluta rubo!“

La subkaporalo rikanis.

„Jen! Rigardu momenton tiujn. Tiujn kun la valizoj.“ La policano montris al la unuaj vicoj. „Puraj filoj de kampuloj! Tiaj staturoj! Tio taŭgas.“ Li klakis per la dik- k montra fingroj.

„Ili jam cedos,“ mokis ride la subkaporalo. „Se ili ne volas suferi.“ Per ĉagrena gesto li turnis sin al la malantaŭa parto de la roto: „Ne intermiksu vin kvazaŭ ŝafaro. Fulmotondro!“

„Ĉu vi estas brutpelisto?“ eksonis el la mezo. La sango ruĝigis la vizaĝon de la soldato. „Kiu diris tion?“ Neniu konfesis. Iuj rigardis al Dalman.

La subkaporalo minacis per la pugno: „Nur malfidu!“

La ruĝnaza ordogardisto el la urbo tordis ŝokite la lipharojn malseketajn pro biero: „Buboj, buboj! Se vi apartenus al mia roto! “

Kiam ili atingis la peronon de la stacio, la trajno jam ekfajfis el la malproksimo. „Rapidigu la adiaŭon!“ La soldato admonis. „Larmoj ne taŭgas por rekruto.“

Tamen kelkaj larmoj verŝiĝis. Ĉefe ĉe la familianoj, kiuj venis tien ĉi, por lastfoje vidi la filon, fraton aŭ amaton. Maljunaj sulkplenaj panjoj per la antaŭtuko viŝis la okulojn al si, ŝovis poŝen la tremantan manon k pene eltiris ŝparitan taleron: „Jen, Johano . . .“

„Restu ankaŭ fidela al mi, Henriko,“ knabino ĉiam readmonis. „Restu ankaŭ fidela al mi!“

Freĉjo Dalman staris iom flanke. Lia Elinjo ĉirkaŭplektis lian kolon. „Ne foriru, Freĉjo! Ne iru! “

„Tio ja nun estas tute senutila, Elinjo.“

„Mi ne lasos vin foriri. Mi ne lasos vin! “ Tremanta, malespera plorĝemado. „Kion mi faru sen vi? Do diru, Freĉjo!“ Freĉjo ĝemegis: „Tion mi ne scias, Elinjo. Tion mi ne scias. Laŭ propra volo mi ja ne iras. Se mi restus tie ĉie, ili kaptus perforte min.“

# LITERATURO

## SILENTO

GRODNANO.

*HURLAS la vento ekstere,*
*en ĉambro meditas silent',*
*fluas la tempo rivere,*
*momenton similas moment'.*

*La pensoj grizaj, enuaj*
*ne boras, sed glitas tra l'kap'...*
*La horoj malviglaj, senbruaj,*
*la pensoj — vezikoj el sap'.*

*Kaj tie, post vento k neĝo*
*svarme tumultas la viv' —*
*la nepra kruela krudleĝo,*
*kie nur venkas agiv'.*

*Flugas la pensoj pretere,*
*sed ia alarmas jam sent'!...*
*Hurlas la vento ekstere,*
*En ĉambro meditas silent'.*

## VIVSPERTO

GRODNANO.

*MI iam ankaŭ kredis idealojn,*
*la estonteco ŝajnis brili antaŭ mi,*
*kaj logis min ideoj nerealaj*
*pri la justec' k bela harmoni'.*
*Mi kredas ilin ja eĉ nun,*
*sed mankas jam freŝec' de l'fortoj!*
*Min bone ĉifis rado de l'fortun',*
*kaj en la samaj belaj vortoj*
*enhavon trovas mi alian nun.*

„Ili rezignu pri vi! Ili rezignu. Petu la kapitanon, Freĉjo! Klarigu al li: in . . . infano atendas sian patron. Ĉar post dekkvar tagoj tio okazos, Freĉjo."

Freĉjo forviŝis la ŝviton de sur la frunto: „La kapitano ja ankaŭ ne povas helpi, Elinjo".

„Kion mi faru nun, Freĉjo? Diru al mi!"

„Iru al mia patrino, Elinjo. Ŝi flegos vin."

„Tiu maljunulino? Ne, Freĉjo. Ŝi mem ja posedas neniom. Tiel mi ja devus honti." Torente fluas larmoj.

Mano tuŝas la ŝultron de Freĉjo. La policano staras malantaŭ li: „Nu, pli rapidu, Frederiko Dalman. Ĉu vi opinias ke ili sendos ekstran trajnon por vi? Eniru la kupeon! Aliel la kisadaĉo daŭros ankoraŭ horon tie ĉi. Fulmotondro! En la garnizono estas ankaŭ knabinoj, kiuj postulas amon!"

Dalman abrupte turnis sin k forskuis la manon: „Ne kolerigu min!"

„He, he, rekruto!" La policano admonis per la gantita dekstra mano. „Ne malrespektu kontraŭ malnova finekzercita kaporalo! Vi ankoraŭ ne rampis el la vindoj, kiam niaspeculo jam servis en la uniformo." Li kraĉotusis k direktis sin al la soldato: „Tiun ĉi ne lasu el viaj okuloj, subkaporalo. Tiu ĉi estas iu el la obstinuloj!"

„Bagatelo." La alparolito ĵetis fieran rigardon al Dalman. „Ni jam humiligis aliajn. Morgaŭ li manĝos kiel hundo el sinjora mano. He vi, Dalman, aŭ kiel ajn vi nomiĝas, eniru! Aŭ ĉu vi atendas dormvagonon, he? Kaj fraŭlino fianĉino akompanu vin?"

Dalman ekrigardas lin per grandaj ardaj okuloj. Lia vizaĝo ruĝiĝas. Lia kolero ne plu estas retenebla.

Sed Elinjo jam kuris al la soldato, ekprenas liajn manojn k plorĝemas: „Lasu lin tie ĉi, sinjoro subkaporalo! Li ja volas edziĝi kun mi. Li estas la patro de tiu ĉi infano, li —"

Dalman fortiras ŝin: „Nu, tuj rakontu tion al la tuta urbanaro, vi klaĉulino! Kvazaŭ tio iel koncernas lin!"

„Vi ja estas nobla amanto!" mokis la subkaporalo. Kaj al Elinjo: „Postulu la proinfanan monon antaŭ la tribunalo. Ne restas alia elturniĝo. — Kaj nun eniru la ŝafstalon, Dalman!" Li direktis sin al la trajno.

„Hundo!" Freĉjo tremas pro kolero. „Adiaŭ, Elinjo. Du jaroj estas longa tempo. Sed iun tagon ili tamen finiĝas. Ankaŭ, se ili enfermus min en la plej severa karcero," li aldonis flustre.

„Freĉjo!" La okuloj de Elinjo rebriliĝas. Ŝi ankoraŭfoje ĉirkaŭplektas lian kolon, altiras la kapon de la amato k flustras: „Forkuru! Forkuru, Freĉjo! Mia frato ekveturos maren hodiaŭ vespere. Kiam vi estos en sendanĝereco, mi sekvos vin."

„Fulmotondrego, Dalman! Ĉu vi pensas, ke la trajno haltos ankoraŭ horon sole pro vi?" La policano ekprenas lin.

Dalman puŝas lin flanken: „Do la plej lastan fojon, Elinjo. Nun estas fino, adiaŭ." Li saltas en la trajnon. La radoj malrapide moviĝas.

La subkaporalo soldate salutas la policanon tra la fenestro.

Freĉjo ne plu elrigardas. Li sidiĝis sur benkon k fiksas la okulojn al la planko.

Ekstere knabino, malespere plorĝemanta, kroĉas sin al la barilo: „Freĉjo — Freĉjo —."

„Ĉu mi do, ĉu mi do la urbon lasu, urbon lasu . . ." laute aŭdigas sin kanto en la trajno. La brandujo rondiras. La filoj de kampuloj ne timis ajnajn elspezojn.

Ankaŭ la subkaporalo kuntrinkas.

Dalman de si puŝas la botelon; ĝi falas k disrompiĝas.

Kolera grumblado inter la prirabitoj.

„Ĉi tiu spertos ĝojon," diras la soldato, „se li estos ankaŭ tiel obstinega en la armeo, tiam kompaton al lia postaĵo!" Kaj al la filoj de kampuloj: „Certe li nur trinkas vinon, la juna sinjoro. Laŭ la konduto tute tiel aspektas! "

„Jes," daŭrigas iu, „estas brikisto el Handorf. Ili drinkas nur ĉampanon dum la laboro."

Tondra ridado inter la pli bonhavaj. En la okuloj de aliaj — ĉeestas ankoraŭ pluraj brikistoj — la kolero ekfulmas.

„Vi sterkistoj!" vokas iu. „Ĝis la matenmanĝo ĉiuj el ili ja ebriiĝos."

„Nu, nu, nu! " La subkaporalo repacigas la komenciĝantan disputon. „Mi nur parolas pri unu. Pri tio nur ankoraŭ informu min, ĉu estas tia moro ĉe vi, ke la infanbapto okazas antaŭ la edziĝo." Li palpebrumas jese al Dalman. Tiu ĉi eklevas la kapon, dum la aliaj ride direktas la okulojn al li, k ĵetas tian rigardon al la subkaporalo, ke ĉi tiu subite ektimas. Li ankoraŭ havas plian mokaĵon en la buŝo, sed li bridas sin k diras: „Dum civila vivo tio estas ĉies propra afero, sed inter soldataro regas aliaj kutimoj. Ĉe la armeo la devizo estas: La buŝo estu silentilo. Inter la rotanoj ni havis iun, kiun oni kondamnis al dekkvartaga severa karcero nur pro malica rigardo! Mi diras vin: Poste li estis obeema. Nerakontebla. Poste li aspektis kvazaŭ madono. Tiel." La subkaporalo interplektis la fingrojn k turnis la okulojn al la plafono.

Tondra ridado.

„Jes," la soldato kapjesis, kontenta pri la sukceso de sia ŝerco. „Kaj tio trafos ankaŭ tiajn homojn, kiaj sen respekto uzis la buŝon dum la civila vivo k ĵetas rigardojn kiel furioza hundo."

„Ĉu tio celas min?" Dalman demandis.

„Nur silentu. Zorgu la knabinon —".

„Ĉu mia knabino estas via afero?" Dalman stariĝis bridante sin kun peno k proksimiĝis al la subkaporalo. „Se ankoraŭ unu vorton vi diras pri tio — !"

La soldato eksaltis supren: „Ĉu vi intencas minaci, kion, vi brikisto! Ankaŭ vin ni ankoraŭ povas regi. Vi vivas sub la militleĝo; ne forgesu tion! "

„Ha! " Dalman metas poŝen ambaŭ manojn. „Ĉu vi jam estas preskaŭ generalo, he? Iu subkaporalo! Do kion jam signifas subkaporalo?"

„Tion mi pruvos al vi! " La soldato rektiĝis militiste, tuŝis mane la bajoneton, dum furiozaj sangondoj kolorigis lian vizaĝon k krie li ordonis: „Fermu vian buŝon nun k sidiĝu en tiun ĉi angulon! Ĉu vi komprenas? Knabinojn malvirgigi, tion vi povas, vi kanajlo! "

„Hundo! " Dalman staris tute proksime antaŭ li. „Mian knabinon ne insultu! Ŝi estas knabino, tiel honorinda kiel . . ."

„Ha — ha — ha! Honorinda! " La subkaporalo ekrikanis. „Ĉu vi aŭdis tion? Tia homo, tia ordinarino . . ."

Li ne povis fini. Dalman ekbatis per ambaŭ pugnoj. La soldato ruliĝis en iun angulon. Timiga kon-



Perfekta soldato.

sterno sur ĉies vizaĝo. La brikisto rigardis per brilegaj okuloj la malsupren-ĵetiton, kiu pala, tremante, leviĝis.

„Junulo, junulo," iu flustris ĝeme. „Tio signifas kelkjaran plej severan arestiĝon."

Tiu parolo vekis Dalman.

Per salto li atingis la pordon, malfermegas ĝin, haltas momenton sur la ŝtupo — eksalto — Dalman malaperis. Malsupre ĉe la rando de la digo li kuŝas en akvoplena fosaĵo. Li preskaŭ ne sentas tion, rapide levas sin k fuĝas, fuĝas trans herbejojn k fosaĵojn.

El la lokomotivo eksonis longa fajfo. La subkaporalo eltiris la armilon; la radoj bremsiĝas; baldaŭ la trajno haltos.

Dalman jam malproksimiĝis atentindan distancon. Post arbedo li kaŭriĝas, rigardas reen k rimarkas, kiel la persekutantoj malsupren grimpas la fervojan digon. Kaj denove li komencas kuri, sen paŭzo, anhelante, per longegaj paŝoj. Knabo, kiu paŝtas bovojn, vidas lin subite aperi apud si; kriante la knabo sin turnas flanken k ekkuras. Kiam li rerigardas, la timiga aperaĵo ne plu estas videbla. Li reiras timeme al siaj bovinoj. Fantomo estis tio, li klarigas al si.

Dalman kuras. Kuras senhalte. Saltas trans fosaĵojn, puŝiĝas kontraŭ ŝtonoj, rapidegas tra heĝoj, arbedoj k arbaroj.

Laca li kuŝiĝas k ekcerbumas, kiom da tempo li tiel jam kuras. Li ne povas akiri klaron pri tio. Li nur rimarkas kiel la nebulo leviĝas de sur la herbejoj, k kiel la krepusko etendas grizan vualon inter la branĉaro de la malgranda arbaro. Lin atakas granda sopiro, tie ĉi ripozi k ekdormi. Kontraŭ tio li interne luktas. La malvarmo skuas lian korpon. Li frostotremas k rimarkas, ke la vestoj gluiĝis al la korpo. Neniu tolaĵero estas seka.

Kiel do okazis tio? Kiel estiĝis ĉio? Malklare li rememoras, ke li planken batis la soldaton k ke li devas fuĝi. Jes, nepre fuĝi. Tre malproksimen. Inter la arboj io krakas. Li eksaltas. Neniu. Kien nun? Al la urbo, de kie li venis? La ruĝnaza policano certe jam ricevis informon. Certe oni persekutas lin.

Ankaŭ Elinjo aŭdos pri tio. Li ĝojas. Kiel ŝi miregos!

Li sentas ankoraŭ ŝiajn varmegajn brakojn ĉirkaŭ sia kolo, aŭdas ŝian malesperan petegadon — k tute

subite li memoras: „Forkuru, forkuru! Mia frato ekveturos maren hodiaŭ vespere.“

Ŝia frato! Li posedis skunon k veturis maren kun ŝarĝo sur Vezerrivero al Norda Maro k Nederlando.

Dalman forrapidegis. Laŭlonge de mallarĝa vojo inter la kampoj. Ĝi forkondukis zigzage de la rekta ŝoseo. Sed Freĉjo povis kuri. Kaj li kuris.

Post horo li vidis la unuajn domojn de la urbo, la unuajn mastpintojn aperantajn malproksime. —

Henriko Martens ĵus volis hisi la velojn, kiam lia fratino kuris trans la ŝipoponton. Forte anhelante ŝi rakontis: „Ĵus la policano vizitis min por sin informi pri Freĉjo. Post terenbatado al subkaporalo li dizertis; nun oni serĉas lin por aresti lin. Senbridan, sed timeman ĝojon respegulis ŝia vizaĝo.

Henriko Martens ne tiel rapide konceptis. Tial ĉiam li ripetis kun miro: „Fulmotondrego!“ k skuis la kapon. „Fulmotondrego!“ Dirante tion, li rigardis la mastflagon, kiu vigle flirtis. Pli bonan venton ne deziris Henriko. „Nu,“ li fine daŭrigis, „tio ne estas ŝanĝebla, Elinjo? Mi ne havas tempon, tion vi scias.“

Ŝi petegis lin atendi. Certe venos Freĉjo, se li povos alproksimiĝi sen danĝero.

Henriko grumblis. Tio tute ne plaĉis al li. Li ne ŝatis tenti la policon. Pri horo li fine konsentis.

Ne longa tempo pasis, kiam pezaj paŝoj aŭdiĝis sur la ŝipoponto. La policano k ĝendarmo. Ili tiel esplore rigardis Henrikon, ke li ekŝvitis. Poste ili traserĉis la ŝipon de la pruo ĝis la poŭpo.

Elinjo restis sur la ferdeko k direktis la okulojn en la mallumon. Laŭlonge de la magazeno kaŝiris homo. Tiel rapide kiel la vento ŝi kuris borden: „Freĉjo!“ — „Elinjo!“ Li tre ektimis.

Ŝi ŝovis lin en mallarĝan trapasejon inter la magazenoj, flustris al li, ke li atendu k reŝteliĝis sur la ferdekon.

„Ni iam kaptos lin certe“, grumblis la ĉefpolicano, premante sin tra la mallarĝa pordo de kajuto. „Se vi estas saĝa, bubino, tiam vi informos nin. Li ricevos nur pli mildan punon tiuokaze.“

Elinjo honte klinis teren la kapon.

„Ĉu do ne? Nu, tiam atendu tie ĉi, kolego. Mi postenos antaŭ la domo de tiu ĉi knabino.“

„Sinjoro ĉefpolicano,“ Elinjo alproksimiĝis per hipokrita humilo, „se tio utilas al Freĉjo, tiam mi volas diri, kie li estas.“

„Sed certe. Nature. Parolu.“

„En la bakujo post nia domo, tie li sidas.“

„Tia fripono! Antaŭen, kolego! Li estas ia ruzulo. Kaj vi kuniru!“ Li ekprenas Elinjon ĉe la mano.

Ili preterpasis kvin paŝojn antaŭ Freĉjo.

Dalman mire vidis, kiel ili formarŝis, Elinjo en la mezo. Kiam ili iĝis nevideblaj, li kaŝiris ŝipen, kie Henriko Martens estis grumblanta pri la malbono de virinoj. Tia li neniam suspektis sian fratinon: perfidi la plej-amaton!

Li ektimis ne malforte, kiam Dalman subite diris malantaŭ li: „Bonan vesperon, Henriko!“

„Al diablo!“ La ŝipisto rektiĝis. „Ĉu vere estas vi, Freĉjo?“

„Pst!“

„Tute prave!“ Martens prenis silente lian manon k kondukis lin en la plej profundan holdon. Tie ili aranĝis kaŝejon k instalis ĝin per pajlo k sakoj. Poste alportis Henriko sekajn vestojn k manĝaĵon, grimpis ferdeken, vokis la ŝipanojn el iliaj kajutoj k ordonis la hisadon de la veloj. Ŝajnis al li, ke ĉio bezonigus tro longan tempon hodiaŭ. Li mem malligis la ŝnuregojn ĉe la kajo, entiris ferdeken la ŝipoponton k stariĝis antaŭ la direktilo, stimulante la ŝipanojn.

Malrapide glitis la ŝipo tra la lumlabirinto de la haveno.

Freĉjo ŝanĝis la vestojn, manĝis k tuj profunde ekdormis.

Kiam li vekiĝis, la skuno jam naĝis sur la vasta maro. *Tradukis el la germana: Nigrulo.*

# Sub la ombro de la standardo k de la kruco

J. H. . . .



1— Dum tiu epoko, la verdaj ebenoj koloretiĝis ruĝege. La sango fluegis el la homaj vundoj. La jaro 1914 estis malfermanta la hom-ĉasan periodon.

2— Ili estis du saĝuloj kun ŝtala korpo, kun bronza koro, du montaranoj, kiuj ne volis morti sur la glora kampo, du bravuloj, kiuj ne sciis uzi murdilojn.

3— Ili vivis feliĉe en sia vilaĝo, spirante la ozonan aeron de altaĵoj; ili ne ŝatis odoron de pulvo.

4— Ili estis du homoj . . .

5— La dio, kiun imagis ilia konscienco, diris: „Vi ne mortigos!“ Ili ne rajtis malobei la ordonon de dio. Ili sincere kredis.

6— Dum dekdu jaroj la Alpaj kavernoj resonegis pro la eĥo de iliaj voĉoj, disaŭdigis iliajn suferojn tra la rokoj.

7— Ili vivadis . . .

8— Fine oni arestis ilin. Homoj kaptis ilin, homoj, kiuj estis sin vestintaj per fia tuniko, la uniformo de la hombuĉistoj.

9— Ili, kiuj amis, estis publike malhonorigataj k sangoplenaj manoj malpurigis ilin per sia kontakto.

10— Ili estas montaranoj kun blankaj manoj, kun serena konscienco, kun pura koro.

11— Ili ne mortigis.

12— Ili estas du homoj.

Kion rakontas la 12 paragrafoj de ĉi tiu eta evangelio?

Ili priskribas okazintaĵon prezentitan kvazaŭ ekzemplo al la amaso senenergia de la eksaj k estontaj militantoj.

La 15-an de marto 1926, la milita juĝantaro el Ljono (Francio) estis juĝonta du kamparanojn el Vodua (Vaudoid), la fratojn Bertalon, akuzitajn pri „forkuro enlanden dum milito“. Jen la faroj:

Dum aŭgusto 1914, la du fratoj soldatiĝis. Sed dum septembro ili rehejmiĝis. Ili ne volis malobei la ordonon de sia protestanta religio: „Vi ne mortigos“, kiu por la kreduloj estas nepra ordono dia.

Konsekvence, dum dekdu jaroj, la du montaranoj vivadis en kaverno. Ili spertis stoike k pacience la mankojn, la suferojn, la solecon, por resti fidelaj al sia malsubigema idealo. Fine ili estis arestataj dum 1927. Antaŭ tia sintenado, nobla inter ĉiuj, kia estos la aspekto de la kunsidantaro? Kian punon eldiros la abomeninda milita tribunalo, konsistanta el profesiaj murdistoj?

Du rimarkoj de la prezidanto atentigis nin k kaŭzas kelkajn komentojn. Ĝenite de la sincerega decidemo de la du rifuzintoj laŭkonsciencaj, kiuj postulis fiere la rajton por malkonsenti la mortigadon, nia galonito kuraĝis elparoli tian cinikan respondon: „Mi konis iun oficiron subigitan al sama skrupulo. Li ne utiligis sian revolveron, sed li lasis sin mortigi ĉe l'fronto de siaj soldatoj . . .“

Kion opinii pri tia senhonto? Kiel tiu frazo karakterizas bonege la spiritostaton de la servistoj al dio Patrio! Murdu, se vi povas, tio estas via rajto! Lasu vin murdi, tio estas via devo! Kia honto por la civilizo! Kia blasfemo kontraŭ la homa saĝo k la sentimento! Oni vane serĉus la tri kolorojn, kiuj devas konsistigi nian nacian standardon: de la tuta ĉifonaĉo degutadas sango.

Ĉu tio estas ĉio? Ĉu ni kontentiĝos per tiu konstato k konkludos per aserto ununure kontraŭpatriota? Ho, ne! Sinjoro Prezidanto de la tribunalo suprecitita havis efektive la komplezon kompletigi sian penson aldirante jenon: „Ĉiaokaze vi devis peti konsilon de viaj religiaj estroj.“ Kompatindaj Bertalon! Kion vi faris? Vi arogis klarigi, por via uzo, sanktajn tekstojn! Ĉu vi ignoris do, ke tiu tasko restas la privilegio de viaj plejamataj pastroj? Ĉu vi estis tiom memfidaj por pretendi interkomunikiĝi senpere kun via dio? Se tiel estas, mi kompatas vin.

Mi kompatas vin tiom pli, ke vi neniam spertos la hontindajn cedojn, kiuj estis subskribitaj je la ombro de la kruco. Via bela agmaniero estos ekspluatata de la protestantaj friponoj por reorumi ilian sangokovritan blazonon. Malĝojiga finiĝo, kiun ni ĉiuj bedaŭras. Karaj K-doj, kun feliĉo ni skribas viajn nomojn en la francan Honorlibron de la kontraŭuloj al la hombuĉado. Ni estas feliĉaj scii vin liberaj k ni invitas vin eniri la vicojn de la revoluciuloj. Kune ni disrompos la mensogajn krucojn k forbruligos la pormurdajn standardojn.

*Tradukis el „La Liberano“ (Parizo) Nik. Heuschen.*

---

# OMBROJ EKVIVAS

DAVID DAMBE.

Fino.*



Tra la densa vualo, teksita de malbonigaj cirkonstancoj super la menso de Klejnboj, komenĉis penetri io klariganta. El multaj direktoj venis murmuroj pri la pasportbruligado en la Dingantago[1] k multaj, kiujn li renkontis, agitiĝis pri sia decidemo forigi por ĉiam tion, kio estis piedkatenoj faligantaj ilin ĉe ĉiu paŝo. Sed, kiel al la granda plimulto, la pasport-sistemo estis por li nur embarasa baro forigenda, k neniel li sentis impreson pri la malnobligaj ecoj de juĝa funkcio sur siajn pli belajn sentumojn. Kaj tiel la tuja bezono estis, kiel venki la malafablon de blanka dunganto, kiu estis surda kontraŭ „strangaj inspiroj k frenezaj ideoj de la malsuperaj klasoj.“ Kaj tiel, pro nura kutimo k nekonscio pri la plena signifo de l'okazo, li postulis por si la ĉiam evidentan k neeviteblan . . .

„Ci deziras ‚permesilon'?“ La blankulo admonis — „kia festotago estas por ci, se oni mortigis kafran ĉefon? Kaj kiu lavos kuirilojn? Nenio farebla!“

Kaj vere, allasi anojn de malinda popolo al la sanktaĵoj k moroj de pli superaj estaĵoj, nur signifus ties profanon!

Tamen Klejnboj estis infektita de la febro, kiu estis ĝenerala en la atmosfero k, plie, instigite de rememoro, ke lia amiko, Petro Mu, posedanto de la barbirejo „Afrikaj Kamaradoj“ promesis al li montri statueton de nuda virino en juveleja fenestro, li tuj decidis pri agprogramo k tiel difektis la societajn aranĝojn de sia dommastrino por la tago.

Grupetoj da homoj jam kolektiĝis sur la placo, sed la pli granda nombro, kiel estas kutimo, kunvenos, dum la paroladoj progresos. La ĉeesto de neordinara nombro da policanoj evidentigis, ke io malfeliĉa estis atendata. Klejnboj sentis ĝenon k kvazaŭ en stranga lando k sencele vagis de unu punkto al alia. Iu preterrapidis k bruis en liajn orelojn: „Prole-to!“, k li rekonis Jeremion, kiu hodiaŭ servis alian mastron. Klejnboj gajiĝis k dum la resto de la tempo fariĝis la satelito de la gazetvendisto. Jeremio estis bombardata per demandoj de la scivolema kuirej-helpanto k afable respondis, inter la anoncado por sia propagandeca varo, al la pli prudentaj.

„Jes, certe io okazos hodiaŭ! . . . Prole-to! . . . Ĉu ci ne vidas la pestajn policanojn k detektivojn — blankajn k nigrajn? Ni ne timas la malbenitan registaron! . . . Prole-to!“

Kaj por doni praktikan pruvon pri sia batalema k senkompromisema sinteno al la plej grava parto de la ŝtata organismo Jeremio lerte k incitete prezentis propagandilon al du apudstarantaj ĉifonvestitaj blankuloj.

„*Voetsek* — ci nigra porkaĉo!“ estis la lakona k sendanka akcepto.

Jeremio, verva k neniel malinklina al entrepreno de insultkonkurso, rebatis:

„Kaj se oni brogas nigran porkaĉon, ĝi fariĝas blanka! Mi konas vin bone malgraŭ via aspekto! . . . detektivoj!“

Kaj rimarkante estiĝon de danĝera atmosfero li, por eviti seriozan konflikton, ridege forrapidis, vibre punktanta post si la aeron per sonoraj signoj: „Prolet-to! ... Prole-to! ... unu pencon! ... Prole-to! ...“

La „detektivoj“ malrapide ŝanĝis sian pozicion k unu elspiris:

* Komenco en la 4-a kajero.

[1] Venkofesto de blankuloj (vd. detalan noton en la 4-a n-o.).

„Kien direktiĝas mondaferoj, Dik? La sangumitaj kafroj puŝiĝas sur la kapojn! Kion ili deziras nun? Kiuj estas la blankuloj kun ili — fremdaj agitistoj?“

„Mi ne scias, Tomaso — kredeble! Ili kreskas kiel muŝoj k elpuŝas onin de l'ekzisto! Jen mi jam depost jaroj mallaboras k kial? Ĉar malbenita nigrulaĉo okupas mian lokon!“

„Kaj mi? Oni ne povas ion gajni pro ili! Jam aperis . . . eĉ . . . almozpetuloj inter ili! Mi deziras, ke ili *mortu* kiel muŝoj!“

„Tion ili faras! Ke ili pereu ĉie kiel en la orminejoj! Hieraŭ estis mortigataj tri pro falo de roko!“

„Tri — nur! Kial, pro sangmakulita infero, tio ne povis esti tri-mil?! . . .“

Ĉirkaŭ la estrado kunvenantoj komencis movetiĝi k el la direkto de iu grupo venis la sonoj de kanto k baldaŭ tiu estis subtenata de alia:

*Negroj ni,*
*idar' de sklavoj,*
*Batalu nun*
*pro nia land',*
*Forŝtelita ĉe praavoj*
*En estint'*
*de raba band'!*

*Ni reprenu ĝin,*
*reprenu!*
*Kaj sklavan*
*ĉi inferon for!*
*Plu nenio nin detenu:*
*Afrik' revivos*
*kun ekflor'!*

Negra gvidanto prezidis k malfermis la kunvenon, k la kolektiĝintoj ekaŭskultis al la paroladoj. Li pentris ĝenerale k mallonge la nunan pozicion de la indiĝenoj k senpasie skizis la faktorojn, kiuj devigis adopti la hodiaŭan paŝon, konsidere resumante:

Negra gvidanto prezidis k malfermis la kunvenon, k la kolektiĝintoj ekaŭskultis al la paroladoj. Li pentris ĝenerale k mallonge la nunan pozicion de la indiĝenoj k senpasie skizis la faktorojn, kiuj devigis adopti la hodiaŭan paŝon, konsidere resumante:

„Eble ni eraras, eble ni agas antaŭtempe? Estas malfacile direble! Sed tiuj, kiuj konscias pri la maljustoj farataj kontraŭ ni, devas sin demandi „ĝis kiam?“

Lin sekvis blankulino malaltkreska. Ŝia vizaĝo ardis pro indigno k per klartranĉa voĉo, kiu preskaŭ penetris en la plej malproksiman angulon de la placo, ŝi denuncis antaŭ sia aŭskultantaro la abomenaĵojn de la reganta klaso; ŝi klarigis la programon de sia partio k traktis pri la aferoj de l'okazo, vokante al la proletaro ekagi senprokraste:

„. . . Oni povas konstati, ke la klasa diferenco ekzistanta ĉi tie estas la diferenco inter blankaj k nigraj homoj . . . Ĉar . . . la rasaj interesoj de la blankaj laboristoj estas pli fortaj ol ilia klaskonscio. Ni do havas nenion por esperi de ilia flanko. Ili estas perfiduloj k malkuraĝuloj . . . La pasportoj estas novaj katenoj surmetitaj al indiĝenaj laboristoj, por pli bone teni ilin en ekonomia sklaveco . . . La reganta raso festas hodiaŭ sian tagon. Ni defiu ĝin per alvoko al la indiĝenoj, frakasi la katenojn! Hodiaŭ ni kunvenas por bruligi la pasportojn; morgaŭ ni estos organizitaj por detrui la kapitalistan sistemon! La registaro avertas, ke la manifestacio ne estas laŭleĝa; ke ĝi estos malpermesata k rimedoj estos prenataj por ĝin malsukcesigi. Tio pruvas, ke ni ekpaŝis sur la ĝusta vojo: la potenculoj neniam konsentus pri tio, kio nin nepre utilas! . . . Estas, tamen, bedaŭrinde, ke ni ne vidas pli multajn, kiuj elmontre registras siajn protestojn. Sed tio ne devas nin malkuraĝigi. Ni estas pli fortaj, ol verŝajnas. Se vere la lokaj blankaj laboristoj malkuraĝe detenas helpon al ni, ne forgesu, ke ni formas sekcion de granda armeo en la mondo, kiu batalas por la liberigo de la laboristaro — estu ĝi flava, blanka aŭ nigra! . . . For la just-ministron k liajn leĝojn! . . . For la kapitalismon! . . . Vivu la unua negra respubliko! . . . Vivu la tutmonda revolucio! . . . Leviĝu k batalu laŭ la spirito de Dingan!“

**Pasportojn forbruligu!**

Desegno, kiu aperis en la sudafrika komunista gazeto „Umzebenzi“ (Laboristo).

Alia indiĝeno leviĝis. Li parolis senceremonie; li sciis, kion li volis, k kun facilo, kio estas la ĝenerala eco de la indiĝenaj oratoroj, esprimis la dezirojn k postulojn de sia popolo. Bone pripensita k trankvila parolado kulminis en flama erupcio:

„ . . . Fratoj, ‚abantu'![2] La blankaj homoj venis ĉi tien k fariĝis mastroj super ni. Ili ekkaptis nian landon k enkondukis leĝojn kontraŭ ni. Ili fanfaronas, ke ili estas civilizitaj k estas superaj estaĵoj, sed kian bonon ili kunportis al tiu ĉi lando? Ili estas trompistoj k ŝtelistoj (eble estas ankaŭ inter ili bonaj homoj), kiuj riĉiĝas per nia kostopago! . . . „Kafroj!“ ili nomas nin — eĉ la plej inteligentaj! Sed ĉu ni ne jam delonge kredis je dio — antaŭ ol la blankulo venigis la sian? . . . Pasportoj estas hontigiloj por ni, kiuj estis liberaj, antaŭ ol la blanka diablo venis ĉi tien! . . . Ĉu ni bezonas lin? . . . Li reiru al sia hejmo k ni vivu nian propran vivon! . . . Mi scias . . . nepraktikeble estas apliki „perfortmetodojn“ — mi kredas, ke ni povas atingi ĉiujn rajtojn pacmaniere. Sed . . . se la registaro ne donos juston al ni — do ni ekbatalos por ĝin akiri! . . . En tiu ĉi tago la blankularo celebras sian historian feston. Ankaŭ ni havas nian historion k grandajn homojn. Ankaŭ ni havu nian propran festotagon, kiu nin memorigos pri niaj grandaj ĉefoj, Ĉaka, Dinizulu k Moŝeŝ, pri kiuj ni fieras! . . . Ni aliĝos kun niaj fratoj en tiu ĉi kontinento k alie, k ni konstruos nian propran civilizon k patrion! . . . *Nkosi sikelel' i Afrika!* . . .“[3]

Estis alvoko, k el afrikano k eŭropano, el blanka revoluciulo k nigra ‚kraal'-deveninto leviĝis en plena harmonio la preĝo al la Plejaltulo.

Mallerta, sed certa pri la justo, volis komuniki sian penson al la amaso blanka oratoro. Li parolis singarde, tamen sincere k averte:

[2] Anoj de la nigra raso.
[3] „Dio benu Afrikon!“

„. . . Estas strange, kiel la blankuloj blindiĝas kontraŭ la veraj faktoj ekzistantaj ĉi tie. Ilia memfido estas granda . . . Ili sentas sin sekuraj en sia potenco . . . Sed ili sidas sur eksplodenda barelo. Se ĝi eksplodus sub ili pro ilia malzorgemo — estus ja ilia propra kulpo. Kaj mi diru, ke ili tion meritas! . . . Ili kvazaŭ ignoras la ekziston de la indiĝenoj kiel homoj . . . similaj al ili k instigitaj, laŭ cirkonstancoj, per similaj bezonoj k aspiroj . . . Estas iuj eĉ, kiuj naive kredas, ke oni povas konstrui ŝtaton apartigante la du rasojn. Mi konstatas, ke la negro estas vivanta fakto prizorgenda, same kiel la blankulo. La du rasoj pli k pli interplektiĝas, se vere ne politike aŭ socie, tamen ekonomie kvazaŭ fadenoj en teksaĵo. Sed larĝega abismo kuŝas inter la du rasoj . . . La kolordiferenco ne estas la kaŭzo de tiu malkuneco — sed ĝi nur servas por plimalbonigi la situacion! . . . Al mi ŝajnas, ke en tiu ĉi lando, en kiu vivas du diversrasaj elementoj, la unu, la blanka, vivas en lukso aŭ almenaŭ en komforto (mi ne parolas pri la blankaj malriĉuloj — kvankam spirite ili ja apartenas al la reganta raso) k ĉio en la vivo estas libera por ili; la alia vivas en mizero, subpremo, en limigita medio — en mallumo, kvazaŭ estas ombroj al siaj blankaj mastroj, ne havante propran ekziston . . . La forĵeto de pasportoj estu signalsigno, ke vi baldaŭ forĵetos ne nur la ekonomiajn katenojn, sed ankaŭ samtempe la superstiĉojn k tradiciojn de viaj triboj! . . . Sed elpaŝu prudente k grade: la potencoj kontraŭ vi estas tro imponaj k . . . k vi estas malhelpataj pro multaj malavantaĝoj! . . . Tamen, vi nur ekkonsciiĝu, vekiĝu! Ne estu plu sklavoj — ombroj, k batalu por via liberiĝo! Tiam multaj vin timos, iuj vin helpos k ĉiuj vin respektos! . . .“

La paroladoj finiĝis, sed la ĉefa celo de la tago ankoraŭ devis esti plenumata. La prezidanto ekdiras:

„Kamaradoj! Vi aŭskultis al la parolintoj — vi scias vian devon! . . . Estas vere — ja! Ombroj ni estas al niaj blankaj mastroj: ilin sekvas kvazaŭ hundoj, ilin antaŭeniras — kvazaŭ pelatoj. Ni estas rimarkataj nur por esti insultataj; alvokataj — nur por servado. Sed la tago jam venis. Hodiaŭ ni faras la unuan paŝon. Sed tio ne sufiĉas. La blanka laboristo ne bezonas pasporton — ĉu li estas libera? Ankaŭ li timas k devas servi mastron! . . . Jes, Kamaradoj! Ombroj ni estas — estis! Sed la ombro jam alprenas difinitan formon; ne plu estas ia distordita senviva io. Ĝi akiris animon . . . ĝi ekvivas! Ĝi estiĝas venkanta forto! . . . Kaj dependas de la blankularo, precipe la blanka laboristo, kiu staras for de ni aŭ helpas por nia subpremo, ĉu tiu ĉi forto — la forto, kiu estas en la vekiĝanta ekspluatataro — disvolviĝos ĝis blinda monstro minacanta la mondon aŭ batalanto en la vicoj de l' armeo por liberigo de l'tuta homaro!“

Li finas meze de malbonaŭgura murmurego:

„Kamaradoj! Ni ekagu! Pretigu la pasportojn, kiuj estos kolektataj k poste bruligataj! Ni manifestu k montru al niaj mastroj, ke ni estas pretaj ekbatali por niaj rajtoj k libero! . . .“

Ioma kono de la blankula lingvo k la tradukoj, faritaj en la plej disvastigitajn indiĝenajn idiomojn, ebligis al Klejnboj kompreni la paroladojn, kvankam ties plena esenco restis por li enigmo dronigita per fluo de nekonataj vortoj k nekompreneblaj ideoj, kiel esprimataj de la blankuloj. Sed la lingvo de la indiĝenaj oratoroj estis klara, esprimita en maniero, kiun li plene komprenis. Io komencis tremi ĉe lia maldekstra brusto k Klejnboj maldolĉe ridetis ĉe la rememoro pri sia interna estaĵo foje aludita de li kiel kuniklo. Subita kompreno venis al li: tute ne estis tiu timema mamuleto — sed tordiĝinta serpento, kiu pretiĝis frapmordi k pereigi lin . . . Ne, eĉ ne tio! . . . Sed . . . blanka, nigraj-punktita kancero, kiu elsuĉis lian vivon dum multaj jaroj k nutrita de li mem! Kaj misformita, maljuste traktita estaĵo, kun koro premanta, fajro ardanta sub siaj plandoj k grandega doloro ĉe la tempioj, atendis la signalon . . .

La amaso ekŝanceliĝis kvazaŭ agitita ondaro, k super la triumfaj k ĝojegaj ekkrioj aŭdiĝis ŝatesprima kantado:

*La fajron trafos la pasport'*
*Je Dingantag' matene!*
*Al Piraŭ*[4] *ankaŭ sama sort'*
*Je Dingantag' matene!*

*La cindron kiu portos for*
*Je Dingantag' vespere?*
*La sklavemul' — sen cerb', sen kor'*
*Je Dingantag' vespere!*

Kelkiuj ekpromenas kun sakoj, kolektante la pasportojn, k baldaŭ la malamataj paperetoj, kiuj provizis tiom da laboro por iuj k doloregon por aliuj, ekflamis al la ĉielo, kunportante la fuman restaĵon el figuraĵo de la justministro. La amaso fine orientiĝas al unu direkto, sekvante la antikvan emblemon de l' homa ekribelo k espero . . .

La potenco de leĝo k ordo sin preparas por defendi la interesojn de ĝi reprezentitajn. Pafarmiloj ne estis uzataj. La blankaj policanoj atakis sperte k diskrete, la nigraj — fidelaj servistoj al sia mastro — sovaĝe k senkompate.

Je la morgaŭo la tereno alprenis sian ordinaran, ĉiutagan aspekton.

Du kolorulinoj, interparolante, preterrapidis la lokon, kie, sur la pavimo, malpale skarlata makulo estis sekigita la antaŭan tagon de polva vento k senatentaj paŝoj.

„Jen la loko, kie *ili* interbatalis!“ atentigis unu, farante korpomovon al la aludita direkto.

La alia ŝajne ne rimarkis la diraĵon de sia amikino.

„. . . Do mi diris al li,“ ŝi arogis, „ke la koloruloj havas sian propran lokon k ke la kafroj devas havi la sian!“

La unua murmuris konsenton.

En iu vilaĝo la butikistoj, kutiminte je l'vesperiĝo surstrate ariĝi por interŝanĝi novaĵojn, estis aŭskultantaj gazetlegadon de unu el siaj membroj:

TRIA MORTINTO POST LA TUMULTOJ.

Revolucia sekretario mortas pro vundoj.

„La indiĝena revolucia gvidanto, Johano Nukasi, kiu estis vundata ĉe interpuŝiĝo kun la polico dum la pasportbruligo je Dingantago, mortis hodiaŭ matene en la hospitalo — tio do estas la tria mortinto havanta rilaton al la tumultoj. Nukasi estis sekretario de la loka filio de l'indiĝena sekcio ĉe la Proleta Revolucia Partio de Sud-Afriko k venis ĉi tien je komenco de l'jaro 1929. Li estis proksimume 33-jara k instruita ĝis la kvina klaso ĉe Sankta Paila Misia Lernejo. Dum kelka tempo Nukasi laboris kiel kuirej-servisto. Ĉe publikaj paroladoj li solidariĝis kun indiĝenaj strikoj k tumultoj. Li estis la ĉefa gvidanto dum

*(Daŭrigo vd. pĝ. 110.)*

[4] Angle: *Pirow*. La nomo de l'malamegata justministro en Sud-Afriko.

# EN LANDO DE NIGRA ORO

S. F. VALTER (Donbas)

Vojaĝimpresoj pri Donbas (1932).

(Fino. Vd. la antaŭan n-ron.)

II.

TUJ, kiam mi ellitiĝis, mia unua penso estis: ie ion por manĝi, ĉar, verdire, mi sentis ne malgrandan apetiton. Post pli malpli „trankvila" nokto, ne parolante pri la teda militemo de l'cimoj, mi sentis min bone k gaje. Mia vizaĝo iom doloris, ekaperis eĉ negrandaj rozbutonoj — atesto pri l'nokta invado, sed ĉio estis en ordo. La plena monujo kun freŝaj, susurantaj biletoj akordis kun mia anima stato k kvieto k direktis min al . . . restoracio. Kiel vespere, tie elverŝiĝis miela muziko; bela fraŭlino kun moda hararo laŭ fokstrota[1] maniero, treege koloritigita pianagordis, du apudstarantaj violonistoj akomodis siajn instrumentojn, servantajn por improvizita kafeja orkestro. Apenaŭ mi estis enseĝiginta min, kiam alkuris komplezema grasa kelnero kun viŝtuko sur la ŝultro, demandante pri mia deziro. Liaj trompulaj okuloj traesploris min dum kelkaj minutoj por ekscii, ĉu mi estas konvena k oportuna persono laŭ mona vidpunkto. Sed mia eleganta vesto, miaj zorgemaj rigardoj k postuloj evidente kontentigis lin. Gasta tablo staris apude, proksime. Mi rimarkis, ke tie estis:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kotletoj, | la porcio kostis | 6 | rublojn, |
| Vinagraĵo, | la porcio kostis | 2 | rublojn, |
| Kokino, | la porcio kostis | 12 | rublojn, |
| Porkaĵo, | la porcio kostis | 12 | rublojn, |
| Supo, | la porcio kostis | 1.80 | rublojn. |

Nu, tiuj prezoj solaj, sen la kaloria k utila kvalito de l'manĝaĵoj, jam sategigis min! Sed la stomako, prenu lin diablo, insiste postulis sian ĉiutagan kvanton; do mi devis oferi. Mi komencis per vinagraĵo k finis per kafo k sidadis longe . . .

La brilantaj radioj de l'matena suno ludis petole sur la altaj fenestroj. Kvietaj, emociaj ruladoj de l' orkestro, kiel rivero fluanta, nebrueme flustradis k volviĝis ien en la vasta halo. Mi sidis. Tremis en la fingroj la restoj de l'fumata cigaredo, dum mi observadis. Diversaj personoj en- k elkuris, inter ili ankaŭ eksterlandanoj, kiuj glutis dum kelkaj sekundoj unu, du tasojn da kafo aŭ teo k remalaperis.

„Kelnero, fakturon!" Li same diligente, tre afable k komplezeme, kun turniĝantaj okuloj, en kiuj sentiĝis la trompula flatemo, nelonge skribis, kalkulis . . . „Bonvolu: 6 rbl. 20."

Mi silente, nenion dirante donis du verdajn biletojn, k sammomente mi ankaŭ ĵuris al mi, neniam plu viziti tiun marodulejon;[2] ĉar tie por bona tagmanĝo oni devas elspezi tute bagatelan sumon: „nur" 25—30 rubl. ĉiutage, kio signifas 840—900 rbl. monate (= 11 700—12 000 fr. fr.). Sed por vojaĝemuloj tio estas agrablaĵo . . .

Tamen mi antaŭ ĉio sentis min tute malsata. La stomako min denove treege turmentis, k ĝin obeante mi turnis min al la bazaro — sed rimarku: ne al simpla, sed al „kolĥoza"[3] bazaro. Ĝi bruis, fajfegis per milvoĉa eĥo. Grandega placo estis plenplena je popolamaso. Sufoka aero regis, miksiĝanta kun ĉevalaj ekskrementoj, homa elvaporanta korpo, ŝvito k . . . la bonodoroj, agrable tiklantaj la naztruojn, de l'diversaj manĝaĵoj.

La radioj de l'somera suno brulegis. La aero ardegis ĝis neverŝajna grado. Proksime staranta fabriko spiris per akra peĉa fumo. La grizblua atmosfero saturiĝis per milionoj da miasmoj el sufokema kolodia gaso. Dekoj da malgrandaj knaboj 10—12-jaraj moviĝeme aperis amase ĉiuminute kun siteloj plenaj de akvo k kriis kantsimile: „Malvarma akvo, malvarma akvo". Meze de la placo altiĝis nur antaŭ du tagoj konstruita ruĝa tribuno, la loka orkestro malbone k malbelsone ludis. . . . Pendantaj tabuloj kriegis, anoncis pri Kvinjarplano. Ruĝaj rubandoj flustris en la aero ĉirkaŭe. En la proksimo de l'tribuno troviĝis larĝaj tendotoloj ŝanceliĝantaj seninterrompe. Tie estis lokita la hejmo por suĉinfanoj (ruse: „jasli"), anoj de kolĥozoj. La infanaro bruegis, ploretis . . . la popolo amasiĝis ĉirkaŭ la tendo. Laŭtaj paroloj, ridoj k milsonaj krioj de l'megafono produktis apartan tut-harmonion. Mi ankaŭ tramoviĝis la amason, miaj kubutoj fervore laboris . . .

„Kiom ĝi kostas?" demandis mi, rimarkinte etan bulkon.

„Du rublojn", murmuris la vendistino. Mi eĉ ne atentis, kien malaperis tiu milda komplezo, tiu kutima diligentemo de l'bazaraj vendistoj; ilin anstataŭis la ecaro de l'maroduloj, de l'spekulaciistoj, vivantaj je la konto de l' stabiligita ŝtata spekulacio. En ŝtataj vendejoj, en kooperativoj oni ne havas eblon ion aĉeti sen produktad-karteto, ricevata de ĉiu persono en loko, kie oni laboras aŭ oficas. Kaj oni havas rajton ricevi ĉiutage sian panon laŭ normo de 3—400 aŭ 800 gramoj k aliajn produktojn ankaŭ laŭ monata normo. Sed ĉiuj aliaj personoj devas direkti sin al . . . bazaro k al ŝtataj komercaj magazenoj, pri kiuj mi rakontos aliam.

Mi trapasis la bazaron k rimarkis, ke multaj produktoj, kiel la plej bezonataj nutraĵoj: lardo, butero, oleo, ofte dum pluraj monatoj tute forestas en la kooperativoj, sed estas akireblaj en bazaroj laŭ dezirata kvanto, ĉiam k por ĉiuj — kondiĉe ke oni povas pagi la prezon . . .

Reveninte en la hotelon, mi trovis freŝan numeron de l'ĉiutaga loka ĵurnalo „Makejevskaja Laboristo". Krom aro da preseraroj k diversaj agitvortoj k alvokoj pri plenumo de l'Kvinjarplano mi nenion pli en ĝi trovis. La tutaj kvar paĝoj priskribis la batalon por karbo, metalo, giso: verdire, jen lando de metalkarba animo, lando, kiu nur klopodas pri ĉiutaga pano por fabrikoj k metiejoj; alia temo ĝin ne interesas. Kaj la gazetaro, fidinda helpilo en tiu batalo, vera kondukilo trans amason da malfacilaĵoj al venontaj jaroj de l'socialismo k estonta senklasa sociordo . . .

[1] Fokstroto (laŭvorte: Vulpa paŝo) estas moderna danco usondevena.

[2] Marodulo estas persono, rab(et)anta terproduktojn k kortbirdojn en kamparo.

[3] *Kolĥozo* = Kolektivigita bieno.

## **Ĉu vi jam aliĝis** al la **XIII-a Kongreso de SAT** en **Stokholmo?**

Notu la daton: *5.—10. aŭgusto 1933* k la adreson: *XIIIa Kongreso de SAT*, Upplandsgatan 1, 3 tr. ö. g., *Stockholm.*

Tien aŭ al la Admin. en Leipzig oni pagas la kotizon de 5 svedaj kronoj (nur 3 kronoj por SAT-anoj!)

# La protestanta pastro

PASTRO A. k lia edzino pasigis lastjare la libertempajn tagojn sur la insulo Ameland.[1] Kvankam la juna edzino treege deziris la patrinecon, ĝis tiam ŝi restis seninfana.

Pri tio ŝi kulpigis la pastron.

Sur Ameland ili denove disputegis pri tio, k nia pastro eksciis, ke ŝi aliflanke klopodus atingi plenumon de tiu deziro. Estis malkaŝa deklaro, sed tute ne kristana k tre malĉasta. „Malbonmora“, diris la pastro. Liaj haroj hirtiĝis pro terurego.

La pastro tre suferis post la anonco de la nova atakplano de sia edzino. Baldaŭ li devus iri hejmen, por denove supreniri la katedron, k lia edzino restus ankoraŭ dum unu semajno en sia naskiĝloko . . .

Pro timo, lia jam ne tre forta spirito konfuziĝis. Religieco k ĵaluzo kunfandiĝis en la kapo de la fuŝulo. Laŭ sia ĵaluzo li sentis: „Ŝi apartenos nur al mi!“; laŭ sia religieco li tion transformis: „Mi devas antaŭgardi ŝian ĉaston.“

En la praktiko de la vivo religio vere estas la masko-vestaĵo de la egoismo.

Ioman tempon poste ili sin banis. Tuj la pastro utiligis tiun cirkonstancon por dronigi sian edzinon. Estis peniga laboro subakvigi ŝin dum tiom longa tempo, li poste deklaris cinike.

La purigisto estus juĝata de la Levarda (Leeuwarden-a) tribunalo. Malfeliĉe por nia pastro, ni tie ĉi ne vivas en la lando de Abdul Hamid, kie viro kudrigas sian malfidelan edzinon en sakon, por dronigi ŝin kiel hundon en la Bosporo, — kontraŭe, dronigi sian edzinon estas tre severe punata en nia lando.

La pastro defendis sin laŭ teologia vidpunkto: Dum la bano li iun momenton ekvidis bluan lumon k li kredis, ke estas dio, kiu ordonas al li dronigi sian edzinon por savi ŝian ĉaston. (Certe ŝia ĉasto estus pli bone ŝirmita, se dio en tiu momento estus droniginta la pastron.) Pri miloj da krimaĉoj dum la kristanaj jarcentoj la pastroj klopodis akuzi dion; tiurilate mi citas: militoj, pestmalsanoj, malsateg-mortadoj, k multaj aliaj krimoj. La sistemo tute ne estas nova. Sed tio, kion nia pastro faris, certe estas la fakta supro de senhonteco!

La saĝaj juĝistoj de la Levarda tribunalo serioze pridiskutadis la teologian defendon de la pastro. La konkludo estis: „Miriga respektmanko; li mensogas aŭ li estas frenezulo.“

La kunsido havis tre idolanan karakteron. Neniu montris respekton por diecaj aperaĵoj. La tribunala oficisto, postulante dekjaran karcerpunon, motivigis sian postulon argumentante, ke la pastro ne estas tiom religiema por suferi pro religia frenezo. Feliĉe por tiu magistrat-oficisto, juristo Vaserberg, en nia lando ne ankoraŭ estis aplikata blasfemleĝo por ŝirmi dion. Aliokaze li ne estus feliĉa. Estas terurege, ke oni senpune asertas antaŭ nia kristana popolaro: „Kondiĉo por religia frenezo estas iom sufiĉa kvanto da religieco.“

La pastro en sia respondo fortege protestis kontraŭ la konkludo de la tribunala oficisto k energie asertis, ke li estas sufiĉe religiema por suferi religian spiritmalsanon.

[1] En Nederlando. — *Red.*

Nia pastro verŝajne tute ne ŝatas eniri karceron. Certe estas, ke li eniros ĉu karceron, ĉu spiritmalsanulejon. La Levardaj juĝistoj protektos la dian honoron k juĝos la pastron responda pri siaj propraj fiagoj. Kaj tio ankaŭ estas feliĉa; aliel povus okazi, ke dum la venonta bansezono ankoraŭ pluraj edzinoj de pastroj estus dronigataj.

Jes, vere neniu inter sufiĉe religiemaj personoj estus, certe, kiu ne riskus sian vivon! La religiaj fantomoj daŭre plimultnombriĝus. Kaj la teologia defendo antaŭ la juĝistaro ne estus limigita. Ĉiu biciklоŝtelisto sin defendus tiele: „Antaŭ la poŝtoficejo staris nova biciklo; iun momenton mi ekvidis helruĝan lumon, k mi kredis, ke estas dio, diranta al mi: „Simplulo, forprenu ĝin rapide!“

Diakono ligita al malpacema edzino povus rezoni: „Dum biertrinkado post la preĝo mi estis meditanta pri la favorkoreco de dio, kiam ekruĝiĝis antaŭ miaj okuloj. Mi sentis, ke estas dio, kiu ordonas al mi frakasi de Matildo la kranion,“ ktp, ktp. Vera kredemulo antaŭ neniu barilo haltus!

Findecido kredeble estos la spiritmalsanulejo. La kvanto de lia religieco estos juĝata sufiĉa por pravigi lian enfermon en spiritmalsanulejo. Mi ne estas kontraŭulo al tio. Mi aprobus male tion, ke ĉiuj, kiuj ordinare faras dion responda pri iliaj fiagoj, estu enfermataj kiel danĝeraj frenezuloj, ĉiuokaze la militpropagandistoj kun dio, ĉiuj krizopravigantoj per dio, ĉiuj prolet-ekspluatistoj kun dio k multaj samspeculoj.

Sed la teorio de l'juristo Vaserberg estas unika. „La pastro ne estis sufiĉe religiema, por suferi religian frenezon.“ Religia frenezo rilatas al kvanto da religieco! Per troo vi komencas fari neordinaron: la saman rezulton donas la trouzo de alkoholo. Kiu deziras resti normala, tiu singardu, ke li ne havu troon. Por esti spirite tute sana, necesas, ke vi estu absolute nereligiema. Ĉar se la granda kvanto estas pereiga, pli malgranda kvanto estas proporcie danĝera. Nur la tute ne religiema homo, la religia abstinentulo ne riskas la danĝeron esti difektata je sia sano.

Ĉiuj tiuj konkludoj sekvas tute klare el la teorio de l'juĝisto Vaserberg. Encerbigu al vi la nomon de tiu krimulo! Ne estas ni, sed juĝisto Vaserberg, kiu ofendas la „sanktajn sentojn“.

Ne akuzu min, same kiel la pastro klopodis akuzi dion pri sia proĵaluza murdo.

Tradukis el la nederlanda gazeto LA LIBERPENSULO de la Unuiĝo „La Matenruĝo“: *Ariadno.*

# Verkistoj k Verkoj

## Apt'n Sinkler (Upton Sinclair)

*laŭ sia aŭtobiografio*

La legantoj de „La N. E." jam konatiĝis kun Apt'n Sinkler per traduketoj el liaj verkoj. Kredeble ili havos intereson pli intime koni tiun verkiston. Lia antaŭnelonge aperinta aŭtobiografio (pri la unuaj tridek jaroj) donas al ni la ŝancon tion ebligi. La libro estas verkita laŭ tiu maniero tiom tipe usona, konsistanta el mallongaj, koncizaj frazoj, freŝaj k trafaj, k kvazaŭ kinematografaj vort-bildoj, la tuto salita per sprito ĉiam bon-humora. Ĝenerale estas la aŭtoro mem, kiu estas priridita — la 54-jarulo alrigardas mokete la erarojn de la junulo — k oni povas rimarki, ke eĉ tiuj konatuloj, kiuj agis malnoble k perfide, estas nur milde admonataj. Apt'n Sinkler rezervas sian plejan indignon k malamon por la grandskala malamiko, t. e. la kapitalismo k ĉiuj ties verkoj.

### LA DEVENO DE LA AŬTORO

La prapatroj de Apt'n Sinkler apartenis la sklav-k bien-posedantajn t. n. aristokratojn de la Sudaj Ŝtatoj de Usono k estis grandparte militŝip-oficiroj; sed kiam li naskiĝis en 1878, la familianoj jam perdis bienojn k sklavojn k kelkaj malriĉiĝis. Lia patro do devis makleri en Baltimore. Kiel plej multaj el la sud-ŝtataj sinjoroj, li drinkadis k tiu emo ne nur tenis lian familion en ĉiamŝanceliĝa ekonomia situacio, sed ĉagrenis la knabon Apt'n, kiu, kun sia patrino konstante devis lukti, kontroli, honti, ofte mizeri, pro la patra malvirto. Pro tia sperto de l'juneco, ankaŭ pro tio, ke multaj aliaj parencoj k konatuloj dum lia tuta vivo, elmontris la saman emon, Apt'n Sinkler estas fervora kontraŭ-alkoholulo: „Mian tutan vivon mi kolektis materialon rilate la drink-problemon. Mi konas ĝin pli intime ol iun ajn alian temon, kiun mi traktis. La listo el drinkemuloj, kontraŭ kiujn mi luktis, estas pli longa ol tiu el karb-ministoj, petrol-reĝoj, politikuloj aŭ iu alia grupo bildita en miaj libroj." Do, la malsaĝa patro saĝigis la fileton k oni trovas, ke Apt'n disvolvis tre frue fortan volon k senton pri respondeco, ankaŭ, senscie, la bazon de la estonta revoluciema spirito. Li klarigas: „Estis mia sorto, de plej juna infaneco, vivi en la ĉeesto de riĉaĵo apartenanta al aliaj." Tamen, ĝis li atingis la 17-an jaron, li ankoraŭ tenis la konservativan, eĉ snobisman[1] vidpunkton de siaj familianoj k ties amikoj. Sed alvenis la horo, kiam li komencis, tute sola, pripensi la malbonon de civilizo kun bazo de klas-privilegio k voli tion ŝanĝi. Pro la kapitalista regado super la lernejoj, neniam li tie aŭdis, ke ekzistas socialista movado en sia lando k li naive kredis, la „la tuta ŝarĝo ŝanĝi ĝin (la sistemon) pezis sur mia spirito." Laŭgrade li eltrovis siajn samideanojn („La ĉefa fakto, kiun devis instrui al mi la socialistoj, estis la fakto, ke ili mem ekzistas"), k laŭŝajne, eĉ nun li apartenas la socialistan partion, kvankam, laŭ Skot Njirin (Scott Nearing), li estas „la sola postrestanta revoluciulo" en „partio konsistanta el leĝistoj k eks-terspekulaciuloj."

### NOBLA EGOISTO

Tamen, ĉu partiano, ĉu ne, Apt'n Sinkler estas unuopulo; li agas ĝenerale sola, enketante, iniciatante, sciigante k instruante. Ja la titolo de la aŭtobiografio: *Usona Antaŭgardisto,* elmontras tion, kia estas lia kutima rolo. Tra la tuta libro elmontriĝas lia egoismo, nevenkebla mem-fido k sendependeco; li estas „geniulo", „mesio", iu kiu kontraŭpesos la nunan honton de l'usona socio per memorigo pri la pasinta grandiozo de la lando (per triopa verko pri la epoko de la Civila Militado). Oni legas: „Mi ĉiam kredas, ke mi povas ĉion fari" k „Mi pensas pri ĉiu verko, ke ĝi estas la plej mirinda iam verkita" ktp., kc. Sed tamen, tia egoismo estas permesebla ĉe iu, kiu elspezas sian forton — ja tiun egoismon mem — por plibonigi la mondon, kies laboremo efikas en tio, ke atingoj sekvu la mem-fidon; k tia homo estas Apt'n Sinkler. Li iĝis la ‚embarasa infano' de sia propra lando k ankaŭ kelkaj liaj verkoj estas egale trafaj en aliaj mond-partoj, kie regas la samaj malbonaj kondiĉoj kiel en Usono. (Notinde estas, ke kelkaj estis pli bone akceptataj ekster, ol en Usono). Nuntempe, eble, li perdis iom el la mem-fido k kompense akiris fidon pri granda, komuna agado (ekz. li simpatie k komprene subtenas la sovetian entreprenon); li kapablas rideti pri sia frua fiero, sed restas la entuziasmo, espero k laboremo, malgraŭ multaj malsukcesoj k ĉagrenoj.

### LIA FORTA VOLO

Apt'n Sinkler rakontas pri sia luktado kontraŭ la vekiĝinta seksinstinkto, kiun li venkis, helpe de pastro,

[1] Snobo: Iu, kiu atentas riĉon k altan rangon pli ol simplan indon.

---

*Daŭrigo de „Ombroj ekvivas" (de p. 107).*

la manifestacio k prezidis ĉe la kunveno. Oni rememoros, ke la dua vundito, Filmon Maslengu, mortis survoje al hospitalo. La unua indiĝeno, kiu mortis surloke k kies idento, pro malesto de pasporto aŭ ‚permesilo', restis nekonata, laŭ nuna konstato estas *Klejnboj Tlatleni,* kuirejhelpanto. Pri tri aliaj, kiuj estis serioze vunditaj, oni malesperas ilin resanigi."

„Malbenitaj simioj . . . kial oni ja ektumultas!" iu konsternite eldiris.

„Mi mirus, se unu el ili ne estis la sama, kiu iam laboris ĉi tie — ?"

„Bona afero, mortpafu la hundaĉojn — unu post la alia!"

„Nu, homo estas homo — "

„Kio al ili mankas, . . . kion ili bezonas?"

„ — li estis ja sagaculo . . . lerta ŝtelisto!"

„Ne unu indulo inter ili — kia aŭdaco!"

„ — se ia tago iam venos . . . dio gardu!"

„Jen . . . Kial oni ja ekkantaĉis pri porkaj negroj?! *Ili* neniam triumfos! Kiuj el vi volas kartludi? Venu!"

La grupo ekmoviĝis.

Antaŭ ripoztago la plej entuziasmaj k senzorgaj inter ili kutimis traludi la nokton. Kiam ili finludis, jam ektagiĝis k la ombroj de l'nokto estis paliĝantaj en la varman sunlumon de nova tago.

ĝis li edziĝis en la 22-a jaro. Li tre suferis pro la subpremo, eĉ devis lasi la studon pri la arto de la Renesanco, pro la nudo bildita. Sed li kredas, ke la sindeteno rekompencis lin per pliigita intenso k povo mense koncentriĝi. En alia periodo, li lasis sin treni en kart-ludadon „kiel ortodoksa suda sinjoro,“ sed konstatante, ke tutnokta ludado tia estis malinda, li ĵuris, ne plu ludi k plenumis precize la intencon. Por resaniĝi post troa verkado, kiu ruinigis lian korpon, li ĉiam pretis provi plej severajn rimedojn, ekz. longan fastadon aŭ ĉiutagan naĝadon en frosta akvo. Li jese povis respondi al la demando de Zaratustra: „Ĉu ci povas pendigi super ci cian volon, kiel cian leĝon?“

## LIA VERAMO

Ŝajnas, ke Apt'n Sinkler posedas neordinaran, kristalan sinceron. En ĉi tiu biografio, li ĉion elmontras, pekojn, erarojn, malsukcesojn, same kiel tion pli admirindan. Eĉ li senkaŝe sciigas, ke dum li legis la lastajn ĉapitrojn de *La Ĝangalo* al redaktoro, tiu lasta dormis! Li deziras „raporti pri siaj mispaŝoj, por ke la estonta generacio sciu pri tio, kio estas nefarenda.“ Ĝis la 14-a jaro, li estis religiema, sed maturiĝinta pens-kapablo portis al li dubon (helpe grandparte de la oficiala kristana propagand-literaturo!) k li forlasis la eklezion, adoptante kiel devizon: „Labori estas preĝi.“ (Mi diru ĉi tie, ke eble multaj miros, legante, ke li dumvive daŭrigis amikecon kun pastro; ke, eĉ por sia dua edziĝo, li akceptis la servon de pastro k ke pastro laŭdas la libron de Sinkler: *La Latuna Kontrolilo* k promesas vendi ĝin en sia preĝejo! Eble la usonaj pastroj pli atentas etikon ol dogmon). Li ĉiam pretis ‚dialektike' renversi ian antaŭan opinion aŭ kredon, kiu ĉesis konformiĝi kun post-akirinta sperto lia, sed obstine insistis, ke tio ankoraŭ vera por li, restu. Kelkaj okazintaĵoj priskribitaj en *La Ĝangalo* estis fantazie nekredeblaj, sed, ĉar li mem ilin vidis, li rifuzis forstreki vorton, dirante: „Mi devas diri la veron.“

## LIA VERKARO

Kompreneble, oni ne priskribu Apt'n Sinkler sen mencio pri liaj verkoj; tio estus kvazaŭ oni ludus *Hamlet*-on sen la princo de Danio!

En ekstera paĝo de l' aŭtobiografio, estas listumitaj 43 el liaj libroj, el kiuj 9 teatraĵoj. La temoj estas plej diversaj, plejparte sociologiaj, ekz. la teruraj kondiĉoj de la viand-konservaĵa entrepreno de Ama (Armour); novjorka burĝa socio; moderna edziĝo; la monprofitoj el religio; striko de ministoj; usonaj instrua sistemo k lernejoj; spionado al revoluciuloj; drinkado; sekso; prostituado; la afero Sakko-Vancetti; influo de l' kapitalismo sur arton, literaturon k ĵurnalismon kc. Oni vidas, ke granda parto el la libroj estas *raportoj* . . . sed ŝanĝitaj en artan formon — eble la plej valora formo, kiun povas havi propagando. La Ĝangalo, lia unua sukceso — ĝi kreis tian furoron, ke la tiama prezidanto de Usono, Ruzvelt (Roosevelt) sendis amikon por diri al Sinkler: „Ke li rehejmiĝu k lasu min iomete regi la landon“ — post kelk-sesjara verkado nesukcesa, estis ja raporto pri la supre-menciitaj kondiĉoj en Ĉikago en la viand-industrio k inter la gelaboristoj (mi diru, ke li emis per tiu libro tuŝi la *koron* de Usono, sed poste konstatis ĉagrene, ke li trafis nur ĝian stomakon!).

Tamen, se oni parolas pri liaj ‚raportoj', oni ne lin prezentu kiel nur iun zorgan, sinceran ĵurnaliston, nek sekan statistik-kompiliston. Li verŝis en siajn librojn sian tutan koron, li enmetis multon el siaj *privataj* spertoj, uzis ĉagrenon k agonion propran por sia arto. Rilate la subitan, kapturnigan sukceson de l' *Ĝangalo*, li skribas: „Kiel mi sentis, estante famulo? Mi povas verdiri, ke ĝi signifis malmulton por mi persone . . . Mi estis tro suferinta“ (pro la kortuŝa sorto de la laboristoj). Ankaŭ, li estas homo, kiu elserĉas ĉian kulturon, poezi-amanto, iu kiu spertas fazojn de ekstazo k dediĉis unu libron: *La Superhomo*, al tiu stato. Li estas natur-amiko k pasigis multe da tempo en malproksimaj, praarbaraj lokoj. Li estas sanspertulo, violon-studinto k lingvisto. Li diras, ke li komprenas esperanton, sed . . . atendu! . . . malfeliĉe, en la 4-vorta frazo esperanta, citita en la aŭtobiografio, estas 3 eraroj! Tiel, laŭŝajne, ni devos longe atendi de li tion, kiu estus valora propagandilo — verkon, eĉ verketon lian en esperanto.

## ĈU MILIONULO?

Kredeble Apt'n Sinkler tre riĉiĝis per siaj verkoj, se la bilanco inkluzivas la tutan verk-periodon.

Lia unua verko, pri dorlot-birdo, estis farata, kiam li estis lerneja knabo, akceptata k . . . pagata: „Vi povas imagi, ke mi estis netolerebla junulo la tagon, kiam alvenis tiu letero.“ Poste: „Niaj familiaj vivrimedoj estis tiam tre nesufiĉaj, do mi komencis fosi en tiun or-minon . . .“ „En la 17-a jaro, ŝercoj estis mia sola vivrimedo.“ Li evoluigis kvazaŭ sciencon pri ŝerc-farado k: „miaj spritaĵoj iĝis obsedaĵo.“

Pli malfrue, dum la Uson-Kuba milito, li verkis rakontaron pri ĝi, poste duobligis tian laboron ĝis punkto, ke li skribis, dimanĉe inkluzive, 8000 vortojn tage! Tamen, alvenis, en lia 21-a jaro, la tempo, kiam lia socialistema k artista konscienco malpermesis, ke li daŭrigu tian ŝajn-literaturon k de tiam: „neniam mi povis sukcese fari ĝin.“ Kiel mi supre diris, nenio serioza entreprenita sukcesis finance ĝis *La Ĝangalo* (eldonita en lia 28-a jaro) k poste, kelkaj longaj libroj elvendiĝis po nur 2000 aŭ malpli da ekzempleroj. *La Pilgrim-vojo de l'Amo*, pri moderna edziĝado, komenciĝis kiel „uragana sukceso,“ sed, pro la „skanddalo“ de lia eks-edziĝo, la vendonombro subite falis preskaŭ en nulon! Neniuj el liaj teatraĵoj mone profitigis. Kelkfoje malsukceso estis rezulto de tio, ke eldonisto timis trakti libron, kiu atakis korupton de altrangulo aŭ korporacio (oni rimarku, ke ĉi tiu aŭtobiografio estas eldonita de la aŭtoro mem, tiel ke li povas diri, kion li volas).

Aldone al aliaj kialoj, Apt'n Sinkler perdis multe da mono, per la senpaga disdono de siaj libroj: „La vivĝojo, kiun mi ricevis el tiuj klasikaĵoj, estas unu kaŭzo, ke mi kredas je malkaraj libroj k perdis tiom multe da miloj da dolaroj en la peno havigi miajn proprajn librojn al studentoj.“ *E. K. L.*



# SCIENCO

## *Historio*

### La antaŭhistorio de SAT

G. P. de Bruin.

(Fino. Vd. la antaŭan n-ron.)

Ĉi lasta artikolo akcentas la specialan karakteron de L. S.: ĝian sennaciecon. Ne hazarde aŭ senintence oni metis ĝin en la statuton! La Centra Komitato mem speciale atentigas pri ĝi en alvoko al „Kamaradoj el ĉiuj landoj“ (majo 1920), kiu akompanis la Statuton, per jenaj vortoj:

Liberiga Stelo fundamente malsimilas je la ĝisnunaj Internacioj. Ĉiuj Laboristaj Internacioj, estintaj k estantaj, pekas en sia strukturo mem: ĉiuj staras sur mallogika bazo, nome: la nacio kiel ĉelo. La nepra naciemismo de ĉiu nacia sekcio venenas la tutan asocion. Ĉiu sekcio penas — eble senkonscie — nur por si mem, por sia egoista naciemismo. Ho! evidente! sur papero, la konkordo estas . . ., k ĉe la kongresoj, ĉiuj sekcioj reciproke ĵuras certan interhelpon. Tamen, dum akraj krizoj, tiu unueco, tiu samceleco malaperas k, spite la penegoj de fideluloj, cedas lokon al naciemismo, eĉ al ŝovinisma fluego, kiu puŝus la hieraŭajn amikojn unu kontraŭ la alian! Tiam ne plu da interhelpo, ne plu da frateco, sed malfidemo, eĉ malamo. Fakte, la laborista Internacio ne ekzistas: ĉiu nacia sekcio estas aparta, aŭtonoma asocio. Ja! ĉe iu ajn Internacio, pro la lingvodiverso, preskaŭ devigaj estas la sekcioj, almenaŭ lingvaj sekcioj . . ., sed ni, Samlingvanoj, ni Esperantistoj, ni ne konas tiun baron. Kial konservi tiun formsistemon, kiu sin montris tiel fatala ĉe ĉiuj laboristaj internaciaj institucioj? Forpuŝu tiun antikvan k danĝeran koncepton, kiu sufokas la internaciisman senton mem. Ni povas k devas fondi sennaciecan Internacion. Al naciemismo kontraŭstarigu ni integran Internaciismon.

La gazeto „Esperantista Laboristo“ daŭre varbis novajn amikojn. Laŭ komuniko en la numero de majo 1920 ĝi havis tiam pli ol 600 abonantojn, el kiuj tamen preskaŭ 500 estis en Francio. Estas kurioze konstati, ke en Aŭstralio estis 9, en Portugalio 13, en Grekio 11, sed en Germanio nur 4 abonantoj!

En oktobro de la sama jaro la Centra Komitato de Liberiga Stelo sciigas, ke „post interkonsento kun la fondintoj de *Le Travailleur Esperantiste* estas decidite, ke ĝia aldono „Esperantista Laboristo“ fariĝu la propraĵo de *Liberiga Stelo k* ne plu havu ion komunan rilate al mona vidpunkto kun *Le Travailleur Esperantiste.*“

De tiam *Liberiga Stelo* do havis sian propran oficialan organon, ligilon inter siaj diverslandaj membroj, ilon, per kiu ĝi povas paroli al la laborista esperantistaro tutmonda.

Aperis nun en „E. L.“ numero 10-a artikolo „Liberiga Stelo al la Verdruĝuloj“ verkita de K-do Lanti.[1] En ĝi estas dirite i. a., ke la karaktero de L. S. estas „kontraŭkapitalista“ k do „socialisma“, ke L. S. „ne intencas elekti inter la diversaj partioj, organizoj aŭ tendencoj“, kiuj batalas por renversi la kapitalistan ordon, ke la tasko de la „liberigstelanoj“ estos „batali kontraŭ la spiritaj, moralaj fortoj, kiuj subtenas la senjustan, ĥaosan reĝimon kapitalistan“ k „zorgi por kreado de spiritostato, kiu harmonios kun la estonta socio“, ke L. S. ne volas „malhelpi la fondon de naciaj organizoj aŭ detrui la ekzistantajn“, kiuj nun eble estas necesaj, ke por tutmonda organizo de samlingvanoj ne estas necese, ke ĝi konsistu el naciaj sekcioj, male, tiu organizo funkcios plej bone, se ĉiuj ĝiaj eroj rekte kontaktas kun ia centro, same kiel ĉe vivanta organismo ekzistas daŭra kontakto inter la koro k la diversaj aliaj organoj.“

Poste sekvas („E. L.“ n-o 12) artikolserio „Organizado“ kun la subskribo Sennaciulo, ankaŭ verkita de K-do Lanti k poste publikigita kiel broŝuro sub la titolo „For la neŭtralismon!“ [2]

Ĉi tiu artikolaro estis epokfaranta. Jen, unuafoje estas skizita klare k logike la vojo de la lab. esp-istaro; 1) ke esperanto ne povas esti por la lab. esp-istoj celo, sed nur rimedo por atingi la celon: la forigon de la kapitalismo, k ke por tio la laboristoj ne devas organizi sin en la neŭtrala movado, sed aparte, memstare, 2) ke ili ne devas nur propagandi esperanton, sed ankaŭ organizi la praktikan uzadon, 3) ke ili kiel konsekvenco de sia mondlingvaneco, ne devas organizi sin en speco de „internacio“ konsistanta el naciaj sekcioj, sed en mondorganizo *sennacieca.*

Ĉi tiuj ideoj estis sufiĉe novaj k revoluciaj, k ankoraŭ malmulte agnoskataj. Estis vere necese, eldiri ilin k defendi. Ili tute kontraŭis la ĝistiamajn, ĝenerale regantajn konceptojn pri organizado de la lab. esp. movado, laŭ kiu starigota mondorganizo nepre devus konsisti el la naciaj, landaj lab. esp. organizoj.

Precipe en tiuj landoj, kie ekzistis forta landa organizo, oni malfacile povis akcepti ĉi tiujn novajn ideojn. Ŝajne oni timis, ke la landaj organizoj iĝus superfluaj, se la movado estus tiel organizita. Estis ankaŭ K-doj, kiuj volis fari el L. S. unutendencan, partian organizon. Aliaj volis, ke la mondorganizo ankaŭ prizorgu la propagandon por la lingvo, per kio la LEA-oj iĝus nenecesaj.

Sed la plej klarvidaj k la plej aktivaj laboristaj esp-istoj, aŭdinte la voĉon de L. S., kiu vokis ilin uzi la lingvon por propraj, proletaj celoj, iris en ĝiajn vicojn. Ĉiumonate alvenis dekoj da novaj membroj, dekoj da novaj abonantoj al „E. L“. Eĉ el Rusio, kiu dum longa tempo per blokado estis apartigita de la cetera parto de la mondo k nun komencis trarompi la barilojn, venis kunlaborantoj. La afero kreskis!

Nun montriĝis la neceso plifortigi k plibonigi la organiz-aparaton de SAT, ebligi al la membroj diskutadon k voĉdonadon pri ĝia statuto. Necesiĝis kunvenigi la membrojn diverslandajn, por komune priparoli la principojn, organizformon k aktualajn taskojn de sia organizo. Oni decidis kongresi en Prago (Praha), samtempe kun la 13-a Universala Kongreso de Esperanto.

En „E. L.“ estis publikigataj diversaj proponoj, okazis diskutoj ktp. Estis decidate, ke ĉiuj anoj de lab. esp. organizoj k izoluloj simpatiantaj povos partopreni la kongreson k la diskutadon, sed ke nur la anoj de L. S. rajtu voĉdoni.

La konata verkisto Henriko Barbus (Barbusse) bonvolis akcepti la honorprezidantecon de la kongreso k skribis al la redaktoro de „E. L.“ tre favoran leteron, kiu estis presata en la antaŭkongresa numero de la gazeto.

[1] Represita en *Vortoj*, pĝ. 41.

[2] La broŝuro jam havis tri eldonojn, la unua aperis ankaŭ kun la subskribo *Sennaciulo*, la du aliaj kun tiu de *E. Lanti.*

Samtempe „E. L.“ finis sian duan jarkolekton. Estis elirintaj 17 mémstaraj numeroj (14 kajeroj), ampleksantaj kune 134 paĝojn. La abonantoj estis jam pli ol 1000, L. S. havis membrojn en 29 landoj. Ĉi tiuj atingoj donis bonan esperon por la estonto.

## *Lingvoscienco*

# Esperanto k la lingvoj el la mondo

L. ĴIRKOV.

(Daŭrigo).

Ĉiuj tri menciitaj stadiaj lingvaj tipoj nun ekzistas en la mondo. Ekzistas ankaŭ la formoj, mezaj inter ili. Jam ne ekzistas ĉe la nuntempa homaro lingvoj, en kiuj la sona divideblo ankoraŭ ne atingis la limojn de aparta vorto. Tia stadio devis esti antaŭ la stadio de niaj amorfaj lingvoj, sed ĝin certe jam trairis ĉiuj lingvoj. El la ekzistantaj nun tri stadiaj tipoj ĉe la popoloj de eŭropa kulturo superregas la fleksio. La mondo de la lingvoj aglutinaj k amorfaj geografie ĉirkaŭprenas preskaŭ entute la aliajn kontinentojn: Azio, Afriko, aborigenoj de Ameriko k Polinezio. Neegala rapido de lingva evoluado rezultigas tion, ke dum ia epoko povas samtempe apud-ekzisti lingvoj de malsamaj stadioj. Riĉiĝante en vortaro k eĉ en gramatiko per intermiksiĝo kun aliaj lingvoj de alia aŭ de sama tipo, la lingvo eĉ de amorfa tipo povas fundamente porlonge konservi sian strukturon, plenan de praa primitivismo. Jam la historiaj kondiĉoj instigas al tiu konservo de la lingva formo. Frue evoluinta klasa socio, frua formiĝo de speciala skriba lingvo de superreganta klaso, iafoje transformiĝo de tiu lingvo en lingvon „internacian“ — tiaj estas la faktoroj de la lingva konservo, kiujn ni observas ekzemple en la ĉina lingvo, kiu estas fundamente amorfa. En tiaforme konservita lingvo la stadio de socia evoluado, la adapto de ĝia senca enhavo daŭras. La lingvo, sur la vojoj de intermiksiĝo kun aliaj lingvoj, prenas el ili ĉion, kion bezonas la parolantoj. Alilingvaj elementoj subfosas konservitan arkaikan strukturon. La faktoroj de konservo kontraŭstaras ilin, sed la trairo de la lingvo en alian postan stadion povas esti nur prokrastita, sed ne evitita. Samtiel en la ĉina lingvo amasiĝas multaj elementoj de aglutino, vortoj fariĝas stabilaj afiksoj. Tamen, ĉar en la ĉina lingvo ĝis nun firme staras k vive sentiĝas la unueca gramatika principo de vortpozicio (la sola en la amorfa stadio principo de unuecigo de frazo) — ni diras, ke baze la ĉina lingvo ankoraŭ ne estas aglutina. La kvalita transiro de amorfo al aglutineco ankoraŭ ne okazis, ĝi okazos, kiam la leĝon de vortpozicio por la unuecigo de frazo anstataŭigos leĝoj pri deviga kunligo de radikoj kun iaj afiksoj.

Kia do estas la pozicio de esperanto en la nuntempa lingva mondo inter la lingvoj de la tri priparolitaj tipoj?

Ĝia rilato al la fleksiaj lingvoj de Eŭropo estas sufiĉe pristudita k konata. Ĝia rilato al la ekstereŭropaj lingvoj, precipe al la kulturaj lingvoj de Azio, ankoraŭ tute ne estas klara por la esperantistoj. Se tiu ĉi problemo estus sufiĉe pripensita, neniu esperantisto forirus de esperanto al post-esperantaj sistemoj de artefaritaj lingvoj, komence de ido k ĝis la lasta lingvo de Jespersen (Novial), k Jespersen mem direktus sian eltrovemon aliloken.

La specifo de ĉiuj post-esperantaj sistemoj vidiĝas en tio, ke ili ĉiuj celas pli, ol la lingvo de Zamenhof, la konatan „tujan kompreneblon“ (de kiuj?) — de eŭropanoj. La plejparto da tiuj ĉi sistemoj forigas la unuecan tipon de akcento, nur pro tio, ke la esperanta akcento-tipo ekzemple en la vorto *nacio* konformiĝas nek kun la franca, nek kun la angla, nek kun la germana, nek kun la rusa, aŭ en la vorto *aboni* la akcento estas ne tie, kie ĝi estas en la konforma franca vorto. Per same gravaj „principaj“ konsideroj oni devas ekspliki ankaŭ la ĉiamajn provojn k penojn plikompliki la sistemon de verbaj tempoj, k precipe la ridindajn klopodojn diferencigi pronomojn sekse, k la reakcian sopiron, kiu tiras al la anstataŭigo de *patrino* per *matro*. Ĉi ĉiuj novaj lingvoj firme estas orientitaj eŭropen, samtempe ne atentante gramatikajn sistemojn de ekster-eŭropaj lingvoj, k eĉ de kelkaj malgrandaj eŭropaj lingvoj. Tiuj lingvo-sistemoj subiĝas al la eŭroplingvaj tradicioj — eĉ kiam tiuj ĝenas la regulecon de la artefarita lingvo k malfaciligas ĝian studon por ekstereŭropanoj.

Tiel ekzemple en ido — la substantiva finiĝo *o* por landaj nomoj estas ŝanĝata je *a*. En Occidental estas akceptata ŝanĝo de radika sono k litero *d* per *s* ekzemple preten*d*-re (pretendi), preten*s*-ion (pretendo). Tiusence oni povas konsideri tiujn ĉi „internaciajn“ lingvojn imperiismaj, rilate al la lingvoj de „koloniaj“ popoloj.

Tamen, la internacia lingvo, por ke ĝi estu efektive internacia, ne povas enhavi en sia gramatiko iajn apartigajn elementojn de eŭropa imperiismo. Tiaj kategorioj, kiel gramatika genro, esprimo de objekto k subjekto, verbaj formoj en la internacia lingvo devas esti kvazaŭ komuna fokuso de tiuj fenomenoj en plej diversaj lingvoj de la mondo. Same kiel oni ne povus enkonduki en internacia gramatiko ekzemple la klasifikon de objektoj el la universo laŭ ses klasoj, kiu ekzistas en la ĉeĉena lingvo, — same oni ne devas enkonduki kopiitajn de eŭropaj specimenoj verbajn tempojn aŭ seksajn diferencojn en pronomoj. Sed la gramatiko de internacia lingvo devas esti konstruita tiele, ke ĝiaj normoj estu same kiel eble plej proksimaj al la ses ĉeĉenaj klasoj k al la franca seksa klasifiko de pronomoj. Tio ĉi estos la ĝusta punkto, la ĝusta fokuso, kien kunvenas la radioj de ĉiuj nuntempe ekzistantaj lingvaj tipoj.

Zamenhof komprenis tion — komprenis tute instinkte — k tio estas lia plej grava merito, tio garantias por esperanto ĝian nuntempan situacion de la sole viva internacia lingvo, k iagrade garantias ĝian pluan evoluadon. Efektive la gramatikon de esperanto oni povas agnoski, kiel tian fokuson de „monda“ gramatiko, kien kunvenas ĉio fundamenta, kio estas en la lingvoj de l'mondo gramatike necesa por nia epoko, k kien maltrafas ĉio, kio estas nur ŝtoniĝinta restaĵo de estinto.

Oni bezonas pruvi tiun aserton. Oni povas klarigi la pruvon mallonge, aŭ disvolvi ĝin plej detale. Tie ĉi ni penos doni la plej mallongan formon de pruvo, por kio estas necese, unuflanke — rememori la lingvajn tipojn de Azio k Afriko, precipe de tieaj kulturaj lingvoj, k aliflanke — rememori la manieron de solvado de ĉefaj gramatikaj problemoj en esperanto.

Ni karakterizu tipojn de jenaj lingvaj grupoj:

1. Lingvoj: persa, taĝika, puŝtu (afgana), k ĉefaj novhindaj lingvoj (bengali k urdu). Ĉi tiuj lingvoj estas fleksiaj, sed en multaj el ili oni povas facile observi restaĵojn de la antaŭ-verba stadio de evoluado (necerta semantiko de verbo rilate al aktivo k pasivo).

La gramatika genro aŭ forestas, aŭ ĝenerale estas pli simpla, ol en eŭropaj sistemoj.

2. Lingvoj turkaj, mongolaj, finnaj — klasika ekzemplo de aglutino. Ekzistas restaĵoj de antaŭ-verba strukturo (iam forestas la tria persona formo de verbo). Foresto de gramatika genro.

3. Lingvoj araba k hebrea — fleksiaj kun gramatika genro, kun rimarkinda reguleco de riĉa vortfarado.

4. Lingvo ĉina — amorfa, sed en siaj konversaciaj dialektoj sufiĉe proksima al aglutino. Klara antaŭverba strukturo (verbo forestas). Gramatika genro ne ekzistas.

5. Japana lingvo — aglutina, tute konservinta la antaŭ-verban tipon (verbo forestas). Gramatika genro ne ekzistas.

6. Lingvoj: malaja, polineziaj, de bantu-negroj k de sudanaj negroj (en Afriko). En diversaj gradoj de amorfa k aglutina strukturo, preskaŭ ĉiam tute antaŭverbaj. La lingvoj bantuaj speciale karakteriziĝas per riĉe disvolviĝinta sistemo de klasifiko de objektoj en la universo, kiu sin reflektas en ilia gramatiko.

7. Lingvoj de Kaŭkazo (inkluzive oseta k moderna armena) k lingvo baska. La verba formo en tiuj ĉi lingvoj estas centro de frazo k posedas ŝajnan troan komplikecon, sed fakte ĝi estas nur kombino el neverbaj elementoj. Kelkaj el tiuj lingvoj parte (en kelkaj verbo-tempoj) evoluigis la verban strukturon.

La lingvoj de aborigenoj de Ameriko apartenas parte al la sesa, parte al la sepa de la ĵus menciitaj grupoj, sed por tiuj popoloj la bezonon je internacia lingvo antaŭiras la bezono ellerni anglan, hispanan aŭ portugalan lingvojn. En analogia pozicio estas ankaŭ la malmultenombraj popoloj de la ekstrema Nordo. Inter la priparolitaj grupoj ni ne menciis ankaŭ lingvojn de Suda Hindio, Hindo-Ĉinio k Tibeto, sed tiuj lingvoj aldonus nenion novan al la ĝenerala tipologia bildo.

(Finota en „S. R.“)

---

## *Fiziko*

# La esplorado en la alta atmosfero

MULTEKOSTAJ ja estas tiaj ekspedicioj, kiajn faris k faros profesoro Pikar (Piccard) en la „stratosferon“, sed ili havas esence sciencan valoron flanke de la nure sporta signifo. La rezultoj por la scienco estas tiaj, ke valoras paroli pri ili k doni kelkajn klarigojn al la laiko.

Nia atmosfero estas kiel vualo, kiu etendiĝas inter la tera globo k la ĉirkaŭanta spaco. Nenion ni vere konus pri tio, kio okazas en la universo, se ni ne trafiltrus la diversajn gastavolojn, kiuj konsistigas la atmosferon. Malfortiĝintaj, amputitaj, kribritaj nur alvenas nin la sunradioj, la stelradioj, la misteraj radioj de malproksimegaj nebulozoj. La ĥemio pri la radiadoj ludas tre konsiderindan, eĉ unuarangan rolon. Sed necesas studi ĉi tiujn radiadojn, antaŭ ol ili estas absorbitaj parte de nia atmosfero. Ni havas duoblan motivon por eksperimento en grandaj aeraj altoj: 1) por observi iujn fenomenojn en la regionoj, kie la aertavolo estas kiel eble plej malgrandigita; 2) por studi en diversaj altoj la aerpremon, la temperaturon, konsiston, ktp.

Nia atmosfero ja influas ankaŭ multajn el niaj terglobaj okazoj. Pli multon oni per ĝia traesploro ekscias pri meteorologio, magnetismo, elektro, fiziko, ĥemio, geologio, raciigita meĥaniko, matematikoj, entute pri ĉiu ajn branĉo de la terglob-esploraj sciencoj.

En la nuna stato, laŭ la disponataj dokumentoj, ni konas iom precize la atmosferon ĝis trideko da kilometroj da alto. Ni atingis tiun konon per la sondaj balonoj. Per potencaj telemetroj (= aparatoj por mezuri malproksimojn), aŭ utiligante observojn el pluraj observejoj dise lokitaj je taŭga distanco, oni sukcesas mezuri de l' tersurfaco la alton, en kiu troviĝas iu esplor-balono. Oni ankaŭ jam provis fotografi el balono la tersurfacon k per mezuroj en la kliŝo dedukti el tio la atingitan alton. Plie ekzistas kelkaj aersond-aparatoj, bazitaj sur la reflekto de sonoraj aŭ ekstreme sonoraj ondoj.

Se ni leviĝas de la tero, ni scias, ke leviĝante ĝis iu difinita alto, la aerpremo en barometro malaltiĝas je la pezo de la aerkolono, kiun ni lasis sub ni. La barometra premo nome egalas al la pezo de la aerkolono superpasanta la unuon de l'surfaco. La problemo do povas esti traktata *matematike*. La matematikisto povas en ĉiu alto koni la pezon de la aerkolono, kiu disigas la du punktojn, kies altodiferencon oni serĉas. Sed la *eksperimento* pruvas, ke tiel ne estas, pro tio ke oni ankoraŭ malbone konas diversajn variajn influojn en la atmosfero, rilate temperaturon, konsiston ktp. La alta atmosfero estas la sidejo de movegoj, de gravaj fluktuadoj.

Oni solvas la aferon, ne plu rezonante pri la stato de l'atmosfero en donita momento, sed serĉante difini *mezan atmosferon*, aŭ kiel oni ofte diras, *norman atmosferon*, bazitan sur grandega nombro da observoj. Oni konstatas, ke ĉiuj observoj farataj en sama alto, ekzemple, interdividiĝas ĉirkaŭ tre difinita mezvaloro. La sumo de tiaj mezvaloroj difinas la norman atmosferon.

La premo malgrandiĝas regule laŭ logaritma leĝo. En alto de 16 mil metroj, ekzemple, tiu ĉi premo estas reduktita al la dekono de l'valoro, kiun ĝi posedas ĉe la tersurfaco.

Pri la temperaturo la fenomenoj estas pli kuriozaj k konsekvencoriĉaj. Unue la temperaturo malaltiĝas proporcie al la leviĝo, nome ĝis alto de ĉ. 11 aŭ 12 kilometroj. De $+ 15^{\circ}$ (meza surfaca varmo) ĝi falas ĝis $- 56^{\circ}$ proksimume. Poste la temperaturo ŝajnas fariĝi senprogresa dum sufiĉe longa tempo kun eta tendenco al pliiĝo.

Por la unua sfero (ĝis proks. 11 kilom.) oni proponis la nomon „troposfero“, por tiu super ĝi la nomon „stratosfero“. En la troposfero estiĝas la konataj meteorologiaj fenomenoj neregulaj (ventoj, nuboj, ktp), dum la stratosfero estus sfero trankvila . . . Sed ni scias nun, ke tio ne estas vera: la stratosfero estas skuata de akraj renversoj k fortegaj ventoj. Oni konservis tamen la du suprajn nomojn.

La konsisto de l'atmosfero, kiu ĉe la tersurfaco estas: proks. 78 volumenoj da azoto, 21 volumenoj da oksigeno k resto el akvovaporo, karbonacido, maloftaj gasoj k iom da ozono, ŝanĝiĝas grave kun la altoj. La pli densaj gasoj restas relative kunpremitaj najbare al la tero. La oksigeno (la plej peza inter la ĉefaj gasoj konsistigantaj la atmosferon) malaperas unue. Ĉe 30 kilometroj ĝia enhavo en volumeno estas nur ankoraŭ 13%. Pli k pli distingiĝas gasoj ĉe la surfaco apenaŭ ekzistantaj, ekzemple la hidrogeno, kies enhavo ĉe 30 km estas 60%. Pri la malpliiĝo de oksigeno devas atenti la inĝenieroj, kiuj pensas pri funkciigo de motoroj en grandaj altoj.

Iuj fenomenoj ĝenas la regulecon de l'antaŭvidoj rilate la variojn de temperaturo k konsisto. Unue la *ozontavolo* (la ozono estas produkto de l'oksigena densiĝo). Oni venis al la konkludo, ke la sunradioj de mallonga ondvaloro (0,2 milonoj de milimetro), alvenante en la atmosferon, transformas parte la oksigenon en ozonon. Ili estas rapide absorbataj de tiuj unuaj tavoloj k povas do efiki nur en la tre altaj zonoj. Inverse, la ultra-violaj radiadoj (0,2 – 0,3 milonoj da milimetroj da ondlongo) malkonsistigas la ozonon k refaras oksigenon.

Inter la du influoj formiĝas ia ekvilibro; la rezulto estas krome la absorbiĝo de tiuj du specoj de radiadoj, kiuj interdetruas sin, produktante varmon. Jen kialo por konsenti pri la fakto de plialtiĝo de la temperaturo *super* la stratosfero.

Oni pensas, ke la ekvilibra zono stabiliĝas ĉe proks. 50-kilometra alto. Cetere oni notu, ke dank' al la ozontavolo la vivo stariĝis sur nia terglobo sub la nuna formo: sen ĝi la efiko de l'ultraviolaj radioj detruus rapide ĉian organan materion.

Sed la ekspedicioj de profesoro Pikar havis precipe la celon ricevi precizajn sciojn pri la *jonizado* de la alta atmosfero. Normale la aero tre malmulte kondukas elektron. Sed sub la efiko de iuj agiloj, radioaktiveco, flamoj ktp . . . la aero jonizas, t. e. elektronoj dekroĉiĝas de molekuloj k akiras ian moviĝemon, kiu faciligas la trapason de l'elektra kurento. Se teraj kaŭzoj elvokus tiun ĉi jonizadon de l'aero (vulkanoj, akvofaloj ktp.), tiu ĉi efiko devus malpliiĝi rapide kun la alto k la kondukeblo malkreski laŭ mezuro de l' altiĝo.

Sed la malo okazas, almenaŭ ĝis difinita alto. Tiel la jonizado povas havi aliajn kaŭzojn, ekz. la radiadojn venantajn de l'suno aŭ de alie. Tiel oni pensis pri kosmaj radioj, de ankoraŭ nekonata origino, de eksterordinare malforta ondlongo, eble ŝuldataj al la detruiĝo de l'kernoj el hidrogeno k heliumo, esencaj konsistopartoj de la materio. Tiu detruiĝo okazus ekster nia mondo en la nebulozoj, kie realiĝus temperaturaj k prem-kondiĉoj absolute ekster konataj skaloj. Sub kombinitaj influoj de tersurfaco k de ekstere eble ekzistas regiono, en kiu la jonizado de l'aero estus maksimuma. La rolo de tiu tielnomata „*Hivisajd*" (Heaviside)-*tavolo*, en proksimume 100-kilometra alto, estas tre grava ĉe la senfadena telegrafio.

Tiaj k multaj aliaj problemoj atendas ankoraŭ sian klarigon, al kiu multe helpas tiaj kuraĝaj eksperimentoj, kiaj estas tiuj de profesoro Pikar.

# *AL LA LEGANTARO!*

*Senplezure ni anoncas al vi, ke post ĉi tiu numero, kiu finas jarkolekton, „La N. E." ĉesos aperi en la nuna formo. Ne permesas tian eldonon la neekvilibrita buĝeto, la manko de sufiĉe granda nombro da* **apartaj** *abonantoj, k la fakto, ke SAT nuntempe ne disponas pri la necesaj rimedoj por kompensi ties deficiton.*

*Sed nia decido ne multe domaĝos al la literaturamantoj: anstataŭe aperos* **Sennacieca Revuo,** *ĉiumonate k sur 16 paĝoj; tiu nova organo transprenos grandparte la materialon el la speco de tiu, kiu aperis ĝis nun en „La N. E.". Pro tio ni ne dubas, ke ĉiuj „LNE"-abonintoj trovos en tia aranĝo kontentigon k fariĝos fervoraj subtenantoj de* **Sennacieca Revuo!**

*Tial ke ĉi lasta aperas* **ĉiumonate** *en 16-paĝa amplekso, ke la legantoj sekve ricevos pli da materialo k pli ofte ol ĝis nun per la dumonata „LNE", la tarifo kompreneble estos pli alta – la jam – reabonintoj bonvolu do aldone pagi la diferencon inter la ĝisnuna k la sekvante indikata abonprezoj.*

*„La Nova Epoko" mortis; vivu* **Sennacieca Revuo!**

*Direkcio de SAT.*

**Tarifo por „Sennacieca Revuo":**

Argentinio 3,30 pes., Aŭstrio 7.— ŝil., Belgio 7.— belg., Britio 6 ŝil., Ĉeĥoslovakio 35 kr., Danio 6 kr., Estonio 5 kr., Finlando 50 mk., Francio 25 fr., Germanio 4.50 mk., Hispanio 9 pes., Hungario 6.50 peng., Jugoslavio 70 din., Latvio 6 lat., Litovio 10 lid., Nederl. 3,30 guld., Norvegio 6 kr., Polio 9 zlot., Portug. 25 esk., Svedio 6 kr., Svisio 6 fr., Usono 1.75 dol.




**Karotharulo**

„Karotharulo" (france: *Poil de Carotte),* kiun mi vidis sub titolo *Infana mizero* antaŭ 5 aŭ 6 jaroj kiel mutfilmon, multe gajnis je vivanteco per la parolo; ankaŭ la aktoroj en la parolfilmo estas superaj. Tiel ĝi iĝis verko eksterordinare impresa k emocia. Ĝi starigas gravan socian problemon, lumigante la karakteron de l'socia ligilo *familio*, la problemon pri edukado. Ĝi montras infanon, knabon turmentegatan per la malbontrakto de senama patrino k la malforto k malatentemo de filistreca patro. Manko de amo k flegado puŝas lin al memmortigo. Estas la ideo, ke li ĉiam restos sola, neniam trovos iun, kiu varmkore amos lin, kiu kunsentos kun li, komprenos lin, kiu martelas lian cerbon, ĝis li, post diversaj malsukcesaj provoj sin dronigi, pendigas sin en subtegmento. Ke la patro, ekkonsciante pri la malmoraleco de sia hezitado k indiferento, lin savas lastmomente el la ŝnuro, kiu jam nodiĝis ĉirkaŭ la kolo de l'knabo, neniel prenas de la filmo la karakteron de terura akuzo kontraŭ la nuntempa socia moralo. *N. B.*

## NIA POŜTO

*16 927.* — Ni uzos laŭeble vian manuskripton; vi devus citi la aŭtoron.

*17 177.* — Ni uzos la tradukon el „Stalin".

*15 973.* — Se loko permesas, ni enmetos „la proviz. sindeteno". — *Red.*

*7161.* — M. bone ricevis. — *Adm.*



# Sub la sagoj de l'kritiko

**Doktoro Benson: Universala Esperanto-Metodo.** Eld. Benson School of Esperanto, *Newark*, New Jersey, Usono. 559 paĝoj. Form. 15×22 cm. Prezo: 4 usonaj dolaroj. Bindita.

Ĉi tiu ampleksa volumo entenas a) kompletan lernolibron; b) ampleksan legolibron; c) vortaron: ĉiuj tri partoj bazitaj sur la *perbilda* instrumetodo. Preskaŭ ekskluzive sur la bildmetodo — kio signifas grandegan laboron plenumitan, kiu eble praktike ne estos tiom rekompencata, kiom deziras la aŭtoro. Ĉar jam la prezo de la verko, pro la 11 000 bildetoj neeviteble sufiĉe alta, malpermesos al la plej multaj lernantoj ĝin aĉeti. Kaj kion precipe hodiaŭ deziras la komencanto, tio estas *malkara* lernolibro. Niaj lernantoj estas nek sufiĉe riĉaj, nek jam sufiĉe entuziasmaj, en la unua tempo almenaŭ, por havigi al si tian lernilon.

Tio dirita, pri la enhavo oni devas noti, ke ĝi estas lerte aranĝita, ke ĝi ĉiam estas interesa, neniam enuiga, k ke la fakto, ke la *okulo* daŭre kunlaboras ĉe la lernado, signifas gravan plifaciligon por la lernanto. En la legolibra parto la aŭtoro utiligis i. a. ankaŭ anekdotojn k rakontojn presitajn unue en „La Lernanto" k en „S-ulo". En la vortaro, kiu okupas la plej grandan spacon en la libro, ĉiu vorto (krom kelkaj abstraktaj) estas klarigita *bilde*. Sed tie troviĝas krome la traduko en 40 naciajn lingvojn! La vorto „universala" ĉe la titolo ne estas troigo.

Tamen — kompreneble, diversaj mankoj estas ankaŭ en tia librego, k ĉar temas pri lernilo, ni ne volas kaŝi ilin. Unue, rilate la uzadon de la propraj nomoj mankas sistemeco k tiurilata klarigo. Sub „lando" ekz. la bildo prezentas karton de Eŭropo, sur kiu iuj landoj portas esperantajn, aliaj francajn aŭ anglajn surskribojn! Personaj nomoj neniam estas esperantigitaj (eĉ ne ĉiam tiuj de antikvuloj: *Caesar* = Cezaro); k la antaŭnomoj nur parte estas esp-igitaj (Petro, Johano, Ana k. a.), dum aliloke la nacia ortografio restas neŝanĝita! Al la germana poeto Ŝiler (Schiller) oni donis baptonomon, kiu ne estas lia.

En p. 462 oni trovas „revoluciisto" (anstataŭ: revoluciano, revoluciulo), k en p. 543 eĉ „revolucio*n*isto". Apud „psikologio" (p. 453) ni trovas „psi*ĥ*ologio" (p. 551). „Revolucio" ne estas *superi*orta, sed perforta ŝanĝo (p. 462). En la rakonto pri hundeto (p. 73) devas esti: „savi la vivon de *sia* amiko (anst. *lia*); sampaĝe: „ĝi" (la hundeto) pereis (anst. *li*). — La neologismon „bai" por „(ŝafo)bleki" mi trovas nerekomendinda.

La difino pri „limo" (p. 387) estas malkorekta (aŭ nesufiĉa); la ilustro same maltrafa. De homeca vidpunkto tia bildo pri „infanterio" (p. 341) estas forĵetinda. Cetere la bildoj ofte estas trafe inventitaj, multfoje amuzaj, kvankam iafoje tre naivaj.

La enpreso de la poemo de Uitterdijk sur p. 226 estas eraro: la aŭtoro ja pekis kontraŭ la esp-aj versofaraj reguloj. Por la legaĵoj oni estus dezirinta pli grandajn litertipojn.

Malgraŭ tiuj mankoj ni tamen devas alte taksi la sumon da laboro amasigita en la verko, kiu entute meritas esti metata en la manojn de studantoj. *N. B.*

# RADIO-PROGRAMO

*9. februaro:*
22.30—22.40: Breslaŭ-Gleiwitz, 10 min. esp-o (*same:* 16. 2.)

*12. februaro:*
10.30—11.00: Lille PTT-Nord, kurso, informoj (*same:* 19. 2.)
13.00—13.30: Karlskrona, 196 m, esp. k turismo (parte en esp-o.)
14.35—15.00: Leipzig, Dresden — parolado.
22.07—22.30: Leningrad, 857 m, — informoj (*same:* 16. k 19. 2.)

*14. februaro:*
20.00—20.10: Tallinn, Tartu — informoj.
21.15—21.50: ? Minsk, 1105 m, parolado (*same:* 16. 2.)

*16. februaro:*
16.45—16.55: Wien k relajoj — informoj.

*18. februaro:*
21.10—21.20: Lyon-la-Doua, parolado.

*20. februaro:*
20.40—21.10: Bratislava, 278,6 — esp. dissendo kun kantoj k parolado.



# KORESPONDADO

## FRANCIO

Adresŝanĝo: SAT-ano William Richter (7534) informas siajn korespondantojn, ke li adresŝanĝis jene: *W. Richter*, 70, avenue du général Moinier, *Casablanca*, Maroko.

K-do *Boissel R.*, 53, rue V. Hugo, *Sotteville-les-Rouen* (S.I.), fervojisto 22-jara, kêl pri ĉt.

## GERMANIO

K-do W. Klingenberg (kompostisto), Lappenberg 1, *Hildesheim*, pri ĉ. temoj, kêl, PI, gaz., ktp.

## NEDERLANDO

Amsterdamano dez. koresp. kêl, pri ĉ. temoj. Resp. garantiata. Skribu al: K-do G. Z. v. d. Gevel, Prinsengracht 1063, *Amsterdam (C)*.

## SOVETIO

K-dino *R. Gunina*, Flabuĵska n. 23, *Stalingrad*, kêl, PI.

K-do *B. Levin*, 3. linio, n-o 74, *Stalino*, Donbas.

K-dino *N. Pasternak*, Palaco de laboro, KV. 60, V.U.K. Esperanto, *Ĥarkov*.

K-do *I. Turĉenko*, Kolĥoz imeni Sevĉenko, Hutor Meĵevoj hoz., *Rykovo*, Donbas.

K-do *M. Vinogradov*, Sorokina str. 19, *Kalinin 2*, Mosk. obl.

K-do *Radomsky*, Niĵne Profinternovskaja 22, kv. 5, *Smolensk*, L, PI, PM, fotoj. Ne sendas unue. Resp. garantiata.

## SVEDIO

Ĉiu esperantisto estas kore petata sendi saluton al nia leter-vespero, la 9-an de marto 1933. Adr.: Klubo Esperantista, „La Tagiĝo", Box 129, *Boras*.

Filatelisto dez. interŝ. PM. Nepre respondos. Skribu al: K-do Gustaf Johansson, Nimrodsgatan 4, *Värtan*.

---

Al finiĝo de fervojista fak-kurso, ni petas ĉ. geesp-istojn, sendi salutleterojn k PK al la kursanoj por pruvi, ke esp-o jam estas disvastigita en ĉ. landoj k kontinentoj inter la laboristaro. Ĉiuj skribaĵoj estas certe respondotaj. Skribu al jena adr.: Laborista Esp. Grupo, Grabenfeldgasse 12, *Bruck a. M.*, (Stirio-Aŭstrio).

---

# Atentigo!

*Tiuj el niaj abonantoj, kiuj volas abonigi krom al „Sennacieca Revuo" (vd. p. 115) ankaŭ al „Sennaciulo" (la oficiala organo de SAT), devas pagi laŭ la tarifo por aktiva membreco kun kompleta gazeto (sur la bazo de 8 mk. g., 40 fr. fr. jare), ĉar tarifo por nura abono al „Sennaciulo" ne ekzistas. Tiaj abonantoj pagas laŭ la plena membrotarifo, eĉ en kazoj, se membreco ne estas dezirata (kio devas esti indikata). Plenan tarifaron liveras*

**la Administracio de SAT en Leipzig.**

---

**REDAKTEJO:** 14, av de Corbéra, Paris 12.
**ADMINISTREJO:** R. Lehner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)